

# La Kandellumo Verda

*- Turismo kaj evoluo: Vojoj al daŭripovo -*

KONGRESA KURIERO DE LA 102-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO **N-RO 1** | 2017 07 22, sabato

## ANONCOJ

### Komuniko por E1

Komuniko por la partoprenantoj de la tuttagaj ekskursoj E1, marde kaj merkrede - KSZ kaj Imjingak

**Nepre kunportu vian Pasporton.**

La administrantoj de la Korea Senarmeigita Zono petas informi la partoprenantojn pri la reguloj por eniri tiun areon:

* Vestaĵpostuloj: ne eblas eniri la areon, vestite per mallongaj pantalonoj kaj per jupoj pli mallongaj ol ĝis super la genuoj, senmanikaj ĉemizoj, sportaj vestaĵoj, kamuflaj vestaĵoj, ŝuoj kiuj ne kovras la piedfingrojn. Krome, estas malpermesite ekspozicii sian nomon, kaj apartenon al ajna organizaĵo;

* Strikta malpermeso de alkoholo-konsumado: oni ne rajtas kunporti alkoholaĵojn, veni sub influo de alkoholo, kaj konsumi alkoholon en la tago de la vizito (antaŭ la ekskurso);

* Bv. nepre kunporti la pasportojn;

* Fotado: en kelkaj lokoj estas malpermesite foti. Bv. nepre obei tiun regulon;

* Oni devas submetiĝi al la indikoj de la ekskursaj kaj surlokaj gvidantoj. Eventuala malobeo de la reguloj kaŭzos tujan nuligon de la ekskurso kaj la tuta grupo devos tuj forlasi la areon.

**LKK**

### Aŭtoroj serĉataj

Estimataj aŭtoroj partoprenantaj la 102-an UK-n, bv. elekti vian tempon por via Aŭtora Duonhoro!

Bv. anonci vin al Sara Spanò <mariarosaria.spano@gmail.com>, KN 53

### ILEI dum la 102-a UK

Sabato, la 22-a de julio
  Movada foiro, 19h00-21h00
Mardo, la 25-a de julio
  Tago de Lernado, 09h00-15h00, salono Lapenna
Ĵaŭdo, la 27-a de julio
  Kunsido de instruistoj (ILEI), 16h30-17h15, salono Selten

Budo de ILEI
  Dimanĉo-mardo 12.30-18.00h
  Ĵaŭdo-vendredo 09.00-18.00h

Estimataj ILEI-anoj,

se dum la UK-semajno vi disponas pri 1,5h libera, bv. disponigi tiun tempon al ILEI kaj deĵori ĉe la budo.

La budo kiel kutime "aktivas" dum la tagoj:

- dimanĉo-mardo 12.30-18.00h
- ĵaŭdo-vendredo 09.00-18.00h

Venu al la budo de ILEI jam dum la Movada foiro kaj "rezervu" vian tempon.

Dankon

**Marija Belošević, kunordiganto de ILEI ĉe UK, KN 121**

### Ankoraŭ lokoj por la bankedo

Ankoraŭ estas liberaj lokoj por la bankedo. La prezo estas KRW 68000 (EUR 50). Biletoj aĉeteblaj ĉe la ekskursa giĉeto ĝis la mateno de lundo aŭ ĝis la biletoj elĉerpiĝos. La suba foto montras bankedajn manĝaĵojn.

**LKK**



## ANONCOJ

### Ŝanĝoj en la programo!

**La Prelego pri Koreio 4** (Modelo por sukcesaj ekonomia, teknika kaj socia evoluoj - Márkus Gábor) ne plu okazos en mardo. Tiu ĉi prelego okazos **en ĵaŭdo, 27 julio, 9h00-9h45 en la salono Selten**.

**La Prelego pri Koreio 7** (Hangulo) ne okazos.

**La Prelegoj pri Koreio 6** (Korea naturo kaj geografio, en ĵaŭdo) **kaj 8** (Religio en Koreio, en vendredo), ambaŭ de Hong Sungcho, okazos nun kunigitaj en unu prelego, **en mardo, 23 julio, 10h45-11h30 en la salono Šaturová.**

### Manĝoj en la 22a kaj 23a de julio

La universitata manĝejo ne funkcias sabate vespere kaj dimanĉe, sed LKK aranĝis, ke ili laboru por vi, kongresanoj. Do haveblas vespermanĝo en la 22a de julio kaj tagmanĝo kaj vespermanĝo en la 23a de julio. LKK antaŭmendis 300 porciojn por vespermanĝo (bovaĵo), 500 porciojn por tagmanĝo (kokaĵo), 400 porciojn por vespermanĝo (*seolleongtang*, bovosta supo).

La taga aŭ vespera ĉefmanĝaĵo kostas 2500 ŭonojn kaj aliaj simplaj manĝaĵoj kostas de 1000 ĝis 1500 ŭonoj. La manĝejon kun 450 sidlokoj uzas ne nur kongresanoj, sed ankaŭ studentoj. Do iuj manĝaĵoj povus frue elĉerpiĝi. **LKK rekomendas, ke vi manĝu en la 22a kaj la 23a de julio en la universitata manĝejo**. Jen la manĝotempo dum labortagoj:

| | |
|---|---|
| matenmanĝo: | 08h00-10h00 |
| tagmanĝo: | 11h00-15h00 |
| vespermanĝo: | 16h40-18h50 |





**Kokaĵo (supre), *seolleongtang* (sube)**

## LKK TIEL ATENDIS VIN









# MANĜEJOJ ĈIRKAŬ LA KONGRESEJO

Vojo de Korea Manĝaĵo
Vojo de Ne-Korea Manĝaĵo
Vojo de Deserto

Hankuk Universitato de Fremdaj Studoj
Imun-ro
Imun-ro 30-a gil
Hwigyeong-ro
Hwigyeong-ro 2-a gil
HUFS STACIO
A - 1 BongaHalmoniBosam
A - 2 HansotDosirak
A - 3 Nangpung KimĉiCige(Supo)
A - 4 Tong-Il BudeCige(Supo)
A - 5 GosuCimtak (Boligitakokajo per sojfabasaŭco)
A - 6 JuksamNengmjon
B - 1 Green Chicken Dakteo
B - 2 MaŭaSuŝi
B - 3 39 Tonkacu
B - 4 OnnineHambag
B - 5 MAKE SALAD
B - 6 Paris Baguette
B - 7 McDonald's
C - 1 Juicy
C - 2 Paik Dabang
C - 3 Ediya
C - 4 Bebridge
C - 5 Starbucks

## INFORMA GRAFIKO PRI PLADO

102-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO
SEULO 22-29 JULIO 2017


Korea Manĝaĵo


Ne-Korea Manĝaĵo


Deserto

## Korea Manĝaĵo


**A - 1 BongaHalmoniBosam**
Ni manĝu bonpreparitan aron da boligita porkaĵo!



**A - 2 HansotDosirak**
Ni elektu kaj manĝu de Bibimbap ĝis manĝoskatolo!


**A - 3 NangpungKimĉiCige (Supo)**
Ni spertu la gustumon de koreoj!


**A - 4 Tong-Il BudeCige (Supo)**
Ni kuniĝu kaj ĝuu la fortan guston!



**A - 5 GosuCimtak (Boligitakokaĵo per sojfabasaŭco)**
Kiuj volas manĝi boligitan kokaĵon per sojfaba saŭco, tiuj kuniĝu!


**A - 6 JuksamNengmjon**
Ni sentu la kombinaĵon inter malvarmeta nudelo kaj rostita viando!

## Ne-Korea Manĝaĵo



**B - 1 Green Chicken Dakteo**
Ĝuu la ne-enueblan kokaĵan stekon kaj plenan ceteraĵon!


**B - 2 MaŭaSuŝi**
Ni mem sentu la harmonion inter freŝa fiŝo kaj varmarizo!



**B - 3 39 Tonkacu**
Ni elektu unu el diversaj porkaĵaj kotletoj!



**B - 4 OnnineHambag**
Ni tranĉu unik-specialan stekon!



**B - 5 MAKE SALAD**
Ni ĝuu freŝan pladon da salato!



**B - 6 Paris Baguette**
Ge-pan-amantoj, venu!


**B - 7 McDonald's**
Serĉu la koreastilan burgeron!

## Deserto


**C - 1 Juicy**
En sukon kunigu freŝajn fruktojn!


**C - 2 Paik Dabang**
Ni renkontu malmultekostan, grandan, kaj bongustan kafon!



**C - 3 Ediya**
Trinku diversecon malmultekoste!



**C - 4 Bebridge**
Trinku la vere internaciajn gustojn!


**C - 5 Starbucks**
Serĉu koreion el la altkvalitaj kafoj!

*La espero leviĝis en Seulo*



102-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO
SEULO 22-29 JULIO 2017

## NOVAJ ALIĜOJ

1130 S-ro Jeffrey Walker, Usono
1131 S-ro Alessandro Bonfanti, Italio
1132 S-ro Michael Boris Mandirola, Italio
1133 S-ro Masui Masanori, Japanio
1134 S-ino Masui Saeko, Japanio
1135 S-ro Alberto Vitale, Italio
1136 S-ino Klarita Velikova, Britio
1137 S-ino Park Si Hyeon, Korea Resp.

**(daŭrigota)**

### Senpaga interreta konekto por UK (wifi)

Por la partoprenantoj de la 102-a UK estas senpaga sendrata interreto.

Bv. elekti la reton **Hufs_Seoul**

kaj malfermi vian retumilon (firefox, chrome, internet explorer...).

Se aperos registriĝpaĝo, vi notu

ĉe username: guest

ĉe password: esperanto

### Rekomendindaj aplikaĵoj

Jen mi rekomendas tri aplikaĵojn por tiuj kongresanoj, kiuj uzas la tiel nomatan **inteligentan poŝtelefonon**.

**1. Kakao Talk**

La senpaga aplikaĵo *Kakao Talk* estas la plej populara societilo inter koreaj esperantistoj. Se vi interesiĝas pri la aplikaĵo, instalu ĝin en via telefono kaj aliĝu al la babilejo UK2017-info (https://open.kakao.com/o/gvgmceq), en kiu vi povas informiĝi kaj demandi pri la UK kaj amikiĝi kun kongresanoj. Grupanoj povas helpi unu al alian en la reala tempo.

**2. Kakao Map**

Utilas ankaŭ la senpaga aplikaĵo *Kakao Map*, kvankam ĝi estas bazita en la korea lingvo. Vi povas facile orientiĝi, kie vi troviĝas kaj kien vi devas direktiĝi.

**3. Kakao Metro**

Seulo kaj najbaraj urboj estas tre dense interligitaj per metroaj linioj. Jen estas la senpaga aplikaĵo *Kakao Metro*. Vi povas difini viajn komencan kaj finan haltejon sur la mapo kaj la aplikaĵo montras kiel veturi.

**CHOE Taesok, KN 75**




## UTILAJ INFORMOJ

### Valuta kurzo

| | 1 eŭro | 1 us-dolaro | 1 eno | 1 juano |
|---|---|---|---|---|
| ŭonoj | 1395 | 1122 | 10 | 166 |

### Gravaj koreaj vortoj kaj frazoj

Saluton – 안녕하세요 [annjonghasejo]
Bonan matenon – 안녕하세요 [annjonghasejo]
Bonan tagon – 안녕하세요 [annjonghasejo]
Bonan vesperon – 안녕하세요 [annjonghasejo]
Bonan nokton – 안녕히 주무세요 [annjonghi ĝumusejo]
Dankon – 감사합니다 [gamsahamnida]
Multan dankon – 많이 감사합니다 [mani gmsahamnida]
Nedankinde – 천만에요 [ĉonmanejo]
Mi petas – 부탁해요 [butakhejo]
Bonvolu – 제발 [ĝebal]
Pardonon – 미안해요 [mianhejo]
Ĝis revido – 또 만나요 [to manaho]
Adiaŭ – 안녕히 가세요/계세요 [annjonhi gasejo / gjesejo]
Jes – 예 [je]
Ne – 아니요 [anijo]
Bone – 좋아요 [ĝoajo]
Tre – 매우, 아주, 잘 [meu, aĝu, ĝal]
Malbone – 나빠요 [napajo]
Mi volas – 원해요 [ŭonhejo]
Mi ŝatas – 좋아해요 [ĝoahejo]
Mi komprenas – 알아요 [arajo]
Mi ne komprenas – 몰라요 [molajo]
Kafo – 커피 [kopi]
Teo – 차 [ĉa]
Biero – 맥주 [mekĝu]
Kafejo – 커피숍 [kopiŝop]
Drinkejo – 술집 [sulĝip]
Manĝejo – 식당 [sikdang]
Restoracio – 레스토랑 [restorang]
Kiom kostas – 얼마예요 [olmajejo]

### El la redakcio

La redakcio de la kongresa kuriero sub la titolo "*La Kandellumo Vera*" kolektas viajn kontribuojn per retadresoj: **chojus@gmail.com; chtaesok@hanmail.net** aŭ pere de organizantoj ĉe la informejo aŭ persone. La redakcia ĉambronumero estas 407.

Viaj raportoj, anoncoj kaj similaj por la venonta numero estu transdonitaj al la redakcio plej malfrue **je la 18a horo de la kuranta tago**.

Anticipan dankon pro via kunlaboro.

**CHOE Taesok, redaktoro**



# La Kandellumo Verda

*- Turismo kaj evoluo: Vojoj al daŭripovo -*

KONGRESA KURIERO DE LA 102-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO **N-RO 2** | 2017 07 23, dimanĉo

## GRATULMESAĜO



Saluton! Estimataj gesinjoroj!

Antaŭ ĉio mi elkore dankas vin, kiuj partoprenas en la 102-a Universala Kongreso de Esperanto, en Seulo.

Mi estimas d-ron Zamenhof, kiu mem jam antaŭ 130 jaroj spertis, kiom grava estas la komunikado inter la malsamlandanoj, kaj penadis por solvi tiun problemon.

Do mi tre ĝojas, ke mi povas aŭdi la voĉon de pacamaj uzantoj de Esperanto el la tuta mondo, sidante tie ĉi inter vi, kiuj fidas unu la alian trans la baro de la lingva, religia kaj kultura diferencoj en tiu ĉi universitata areo.

Ankaŭ nun en la tergloba planedo ne ĉesas kontraŭstaro inter la nacioj kaj konflikto inter la ŝtatoj. Mi kredas, ke vi, la uzantoj de la lingvo de la paco, povos solvi la multajn mondajn problemojn kaj evoluigi la socion memvole.

En decembro 2000 mi faris kaj sendis al la Komisiono de Nobel-Premio pri Paco la dokumenton rekomendi UEA kiel kandidaton por la Nobel-premio pri Paco, kaj en februaro 2001 mi fariĝis dumviva membro de Korea Esperanto-Asocio, kaj finfine 16 jarojn poste mi renkontas vin en tiu ĉi solena loko, kaj fariĝas emociplena.

Fine mi esprimas mian deziron al vi, kiuj venis el foraj landoj al Koreio kaj fariĝas bonaj geamikoj de koreoj, havu tie ĉi tre agrablan tempon kaj plifortigu amikecon kun koreoj. Sukcesan kongreson!

**PARK Joo-sun,**
**Vic-estro de la Parlamento de la Korea Respubliko,**
**Alta Protektanto de la 102-a UK**

## SALUTMESAĜO



Estimataj gesinjoroj!

Kun ĝojo mi akceptis la informon pri la sekvonta evento populariganta Esperanton, je kiu ideo estas kunligo inter la homoj kaj kreado de pontoj inter diversaj lingvoj.

Esperanto, dum sia 130-jara ekzisto, dokumentis sian utilon en kreado de amikaj rilatoj inter diversaj nacioj.

Montras tion la ideo: Esperanto, la unua lingvo por neniu kaj dua lingvo por ĉiuj.

Tiun ĉi ideon aprobis vastaj kulturaj medioj.

Tial, en la jaro 2017, memorigante pri Ludoviko Zamenhof, liaj atingoj kaj meritoj, mi havas la honoron deziri al ĉiuj partoprenantoj kaj organizantoj de la Kongreso fruktodonan laboron kaj efikan popularigon de la universala lingvo.

**Profesoro Piotr Gliński**
**Vic-Ĉefministro kaj Ministro pri la Kultura kaj Nacia Heredaĵo de Pollando**

(tradukis el la pola: *Daniela Gizela Matray-Zandberg*, anstataŭanto de la komitatano A por Pollando)



JEON Daebong, unu el la organizantoj de la Eŭrazia Karavano de Berlino ĝis Seulo kun deziro al Korea unuiĝo atentokapte informas sian agadon dum la Movada Foiro.



Entuziasma varmo de niaj kongresanoj dum la Movada Foiro eĉ malgrandigis veteran varmegon.



Vjetnamaj esperantistoj informas la 9-an Azian Kongreson en 2019.

Ĉe la registriĝaj giĉetoj bone kunlaboris koreaj kaj litovaj volontuloj (sube).



## ANONCOJ

### Ekumena diservo kaj la katolika meso

La Ekumena diservo okazos hodiaŭ je 14h30. En la sama preĝejo je la 16a horo okazos la sankta meso por katolikoj.

La adreso de la preĝejo:

*Imun-dong* katolika preĝejo

(subtera 1-a etaĝo malgranda preĝejo)

*20 Imun-ro 12-gil, Dongdaemun-gu, Seoul*

La komuna foriro de la ĉefa kongresa konstruaĵo je la 14a horo.




**Marija Belošević, kn 121**

### Kunsido de ŭonbulismo

La fakan kunsido de ŭonbulismo hodiaŭ je 16h00-17h30 ne en salono de la kongresejo, sed en la surloka templo de ŭonbulismo. La templo *Imun* troviĝas tre proksime de la kongresejo en 7-minuta piedira distanco. Venu por konatiĝi kun ŭonbulismo kaj sperti ĝian templan etoson. Se vi jam aliĝis al la evento "**Bonvenon al Ŭonbulismo**", konsilindas ĉeesti en la kunsido por pli detale informiĝi pri ĝi. Bv. sekvi la vojon sur la suba mapo. La komuna foriro de la ĉefa kongresa konstruaĵo estos je 15h40.




**Sveka JUNG Hea-yonh, KN 1061**

### Spiritisma kunsido

Spiritisma Eldona Asocio Lorenz prezentos la rondan tablon pri la temo "Memmortigo-sinmortigo" en dimanĉo, je 14h00, en la salono *Selten* (numero 311).

La spiritismaj prelegantoj estas la doktoroj *João Silva dos Santos* kaj *Elmir Santos Lima*, el Brazilo. Ni atendas vin, partoprenu!

**Rosa Maria Mattos, KN 685**

### Refotiĝu post 23 jaroj

En 1994 okazis la unua UK en Koreio. Ĝi estis taksita unu el la plej sukcesaj kaj bone organizitaj universalaj kongresoj. Jen estas la foto, en kiuj troviĝas la tiamaj LKK-anoj, UEA-oficistoj kaj aliaj movadanoj. Iuj jam ne plu renkonteblas en ĉi tiu mondo.



Mi proponas la komunan memorfotiĝon de tiuj, kiuj aperis en la foto:

Kiam: tuj post la inaŭguro

Kie: ĉe la podio

**CHOE Taesok, KN 75**

### BREL en Esperanto

En 2018 estos la 40a datreveno de la forpaso de *Jacques Brel*. Ni honoru lin per KD en la internacia lingvo.

Bonvolu helpi produkti la unuan KDon pri *Brel* en Esperanto, la unuan muzikalbumon el kantoj de *Jacques Brel*, belga mondfama kantisto kun *FaMo* voĉo kaj akordiono, *Bernard Legeay* suzafono kaj *Pjer Buvje* voĉo, banĝo, gitaro, kontrabaso, plus kelkaj aliaj kompanoj.

Ili registros en 2017 Esperantlingve en la surbendigejo de Duoble Unu kun *Patrik Dekkkl*. Vi eble jam vidis ilin koncertantaj kun Brelkantoj, dum la nacia vespero de la 100a UK en Lillo. En la tradukoj, la stilo, la ritmo kaj la envortiĝo de la originalaj tekstoj estis respektitaj sen forgesi la muzikecon de la rezultanta teksto. La muzikaj aranĝoj elvokas la spiriton de la originalaj aranĝoj.

Por pliaj informoj, antaŭmendoj, subvencioj:

http://www.doubleun.com aŭ famo@esperanto.org

*FaMo*-**n KN 664**

### Aŭtoroj serĉataj

Estimataj aŭtoroj partoprenantaj la 102-an UK-n, bv. elekti vian tempon por via Aŭtora Duonhoro! Bv. anonci vin al *Sara Spanò* <mariarosaria.spano@gmail.com>, KN 53

### El la redakcio

La redakcio de la kongresa kuriero kolektas viajn kontribuojn per retadresoj: **chojus@gmail.com; chtaesok@hanmail.net** aŭ pere de organizantoj ĉe la informejo aŭ persone. **CHOE Taesok, redaktoro**

## ANONCOJ

### Ceremonio de la unua eldono de Unesko-Kuriero en Esperanto

En 14h00 ĝis 14h30, mardo, la ceremonio de la unua eldono de Unesko-Kuriero en Esperanto okazos en la salono Lapenna (ĉambro 303, 3-a etaĝo). Dum la ceremonio la kunordiganto kaj redaktoro *Trezoro Huang Yinbao* faros prelegon pri "Anstataŭ ĝeno Esperanto helpas al Unesko".

Altnivelaj tradukistoj (C1 kaj pli alta) el la UN-lingvoj, angla, araba, ĉina, franca, hispana, portugala kaj rusa lingvoj, kaj provlegistoj estas bezonataj.

Kontakto: *Trezoro Huang Yinbao*<trezoro@qq.com>.

Bonvenon!

**La teamo de Unesko-Kuriero en Esperanto.**

### Ludantoj serĉataj por futbalo

Ĉu vi ludas futbalon? Ĉu vi ŝatus reprezenti al la Esperanta Selektitaro dum la ĉi-jara futbalmatĉo ĵaŭde je la 17a horo? Trovu la budon de TEFA kaj informu vian intereson al la trejnisto S-ro *Juan Pablo Alvarez* aŭ al la s-ino *Leticia Dorman* aŭ sendu "*whatsapp*" mesaĝon al ili: +33651373293

**TEFA-Teamo**

### Unua renkontiĝo de Pontkunveno

La reprezentantoj de la Pontkunveno por la Unuiĝo de Koreio amasiĝos unuafoje jene:

Kiam: 13h00-14h00 en la 23a de julio (dim.)

Kie: *Elpin* Ĉambro 106 / 1-a etaĝo / domo 13

Eĉ kiam vi ne povus partopreni, bv. viziti momenton por informi vian alvenon al UK aŭ telefoni al d-ro *SO Gilsu* (+82 10 8869 9930). Ne hezitu peti de iu ajn koreoj voki min. Simple montru la telefonnumeron. Ĉiuj koreaj kongresanoj estas pretaj helpi vian telefonvokon.

**SO Gilgu, KN 36**

### Ĉu vi volas efike ekskursi? Korea Historio(1)

Kongresanoj, kiuj aliĝis al iu ekskurso nepre partoprenu en la kurso de Korea Historio, ĉar ni ĝenerale ekskursos en la historiaj lokoj. La studo pri la skiza historio multe helpos vin kompreni pri la koncernaj lokoj dum la ekskurso, ĉar la preleganto intence klarigos lige kun la historio de la ekskursejoj.

Kiel oni povas lerni la historion de 45 mil jaroj en 45 minutoj? Sed ne timu tion, ĉar la preleganto montros la kernon per la bildoj kaj fotoj.

Kiam: 17h15-18h00 en la 23a de julio (dim.)

Kie: Lapenna Ĉambro 303 / 3-a etaĝo / domo 8

**SO Gilgu, KN 36**

## KONGRESA REZOLUCIO DE ILEI

*Jen la rezolucio de la 50-a ILEI-Kongreso*:

La 170 partoprenantoj el 25 landoj de Azio, Eŭropo kaj Ameriko en la jubilea, 50-a Kongreso de la Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj ILEI, okazanta de la 15-a ĝis la 22-a de Julio 2017 en la junulargastejo ARPINA en Busano, Korea Respubliko,

**DISKUTINTE** la temon « Edukado al respektoplena turismo »

**REMEMORIGAS**, ke la agentejo de Unuiĝintaj Nacioj pri Turismo UNWTO substrekis la valoron de Esperanto en sia deklaro de Manilo, ĉefurbo de Filipinoj, de la jaro 1980 :

« La Monda Organizaĵo pri Turismo substrekas la gravecon koni lingvojn, aparte lingvojn kun universala aspiro kiel Esperanto. »

**ATENTIGAS** pri la rolo de la neŭtrala lingvo Esperanto por senperaj interhomaj kontaktoj prepare al, dum kaj reage al personaj aŭ etgrupaj turismaj vizitoj ĉe surlokaj individuaj loĝantoj kaj specife fakuloj, kiuj kontaktoj firmigas daŭrajn internaciajn amikecojn kaj interklerigajn interŝanĝojn en ĉiam pli vastaj rondoj ;

**ATENTIGAS** tiurilate pri la ĵus renovigita UNESKO-kuriero, kies Esperanto-versio donas taŭgan materialon por la daŭrigaj Esperanto-kursoj post la jam amasaj komenckursoj en Interreto, kiel tiu de Duolingo ; en kiu kuriero unu artikolo pri plonĝistinoj de la insulo JeJu memorigas pri teksto en la « Korea Antologio de Noveloj » (1999 kaj 2017), kio evidentigas la gravecon de prepara literaturostudo antaŭ la turismado ;

**REKOMENDAS**, ke kolegoj kunlaboru en la tradukado, utiligo kaj komentado de la UNESKO-kuriero nun disponebla en la Internacia Lingvo Esperanto ;

**REMEMORIGAS**, ke la celado de Unuiĝintaj Nacioj, UNESKO kaj la Esperanto-movado baziĝas sur la komuna bezono konstrui pacan mondon surbaze de homaj rajtoj kaj strebado al daŭripova evoluo kun respekto al la Tero kun ĉiuj ĝiaj naturaĵoj.

Busano, la 21-an de julio 2017




*** Foto: jaibn@hanmail.net**



# La Kandellumo Verda

*- Turismo kaj evoluo: Vojoj al daŭripovo -*

KONGRESA KURIERO DE LA 102-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO **N-RO 3** | 2017 07 24, lundo

## FESTPAROLADO DE LA PREZIDANTO DE UEA

Estimataj honoraj gastoj, karaj kongresanoj,

En ĉi tiu horo kaj loko ni spertas denove tiun miraklon, kiu nomiĝas Universala Kongreso de Esperanto. Kiel fenikso renaskiĝante el cindroj, ĉiujare dum unu semajno reaperas, ie en la mondo, la kultura ĉefurbo de la esperantistoj. Kial nomi ĝin miraklo? Pro tio ke ĝi estas ĉiam rekoneble la sama urbo, sendepende de tio, ĉu ĝi troviĝas en Havano aŭ Helsinko, en Vieno aŭ Vankuvero, en Tokio aŭ Telavivo. Alvenas la unuaj dekoj da homoj, tiam la unuaj centoj, kaj kun ili ekŝvelas la granda ondo de renkontiĝoj kaj babiladoj, de kunmanĝado kaj kunkantado, de prelegoj kaj kunsidoj kaj konversaciaj rondoj, de teatraĵoj kaj koncertoj kaj konkursoj, de ĉiuj manieroj uzi lingvon por kunligi homojn. Tia estas nia urbo. Bonvenon en ĝin!

Mi konfesu tuj, ke ni ne havas ĉiujn zorgojn, kiujn havas ordinara urbo. Se temas pri loĝejoj kaj transportiloj kaj akvo kaj elektro, se temas pri vendejoj kaj polico kaj hospitaloj, ni povas feliĉe lasi tiujn servojn en la manoj de niaj gastigantoj — ĉi tie la koreoj, kiuj pruvas sin je ĉiu paŝo ege bonaj gastejestroj. Ni estas aparte feliĉaj, ke ĉi-foje honoris nin per sia ĉeesto niaj efektivaj gastejestroj: unuavice la urbesto de Seulo mem, kaj duavice la prezidanto de Hankuk Universitato de Frendlingvaj Studoj, nia kongresejo. Ni kore dankas ilin ambaŭ kaj ĉiujn iliajn kolegojn en la urbaj kaj universitataj servoj, kiuj zorgas pri ni dum ĉi tiu semajno!

Ni estas, do, iusence urbo de gastoj. Ni pensu pri tio dum momento. Ja ekzistas diversaj specoj de gastoj — eĉ de esperantistaj gastoj! Estas gastoj kiuj malplenigas la fridujon kaj la vinŝrankon, tretas koton tra la domo, piedbatas la hundon kaj insultas la najbarojn. Aliflanke, estas gastoj kiuj kunportas donacojn, komplimentas pro la manĝoj, helpas pri la purigado, kaj ludas kun la infanoj. Fari tion kapable kaj bele ne estas tiel simpla afero. Oni devas lerni esti tia gasto, kaj kredeble re- kaj relernadi, ĉar en ĉiu vojaĝo oni renkontas novajn homojn, novajn kulturojn, novajn situaciojn. Lerni bone gasti similas al la lernado de lingvoj; ĉiam restas pli por malkovri.

Mi pensas ke Ludoviko Zamenhof, la aŭtoro de Esperanto, estis ankaŭ nia unua granda teoriisto pri gastado. Jam en la Unua Libro li skribis pri sia vizio pri lingvo, kiu "ne entrudiĝante en la doman vivon de la popoloj, povus, almenaŭ en landoj kun diverslingva loĝantaro, esti lingvo regna kaj societa." Per tia priskribo ni povas bildigi al ni Esperanton ĝuste kiel bonan gaston, kiu apenaŭ ĝenas "la doman vivon" de siaj gastigantoj, dum ĝi alportas valorajn donacojn, interalie pli vastan komunikadon kaj pli profundan egalecon. Kaj dudek kvin jarojn poste, kiam Zamenhof turnis sin ĉiam pli energie al la ideo de homaranismo, ni povas vidi en tio daŭrigon de lia insistado pri la gasta etiko. Ĉar la homaranismo esence konsistas el principoj por harmonia kunvivado kun aliaj homoj, kaj la Deklaracio pri Homaranismo estas kvazaŭ konsilaro pri bona gastado en mondo de granda diverseco lingva, kultura kaj religia.

Ĉi-jare ni solenas la centan datrevenon de la morto de Zamenhof. Tra la mondo okazas ceremonioj, simpozioj, konferencoj dediĉitaj al lia vivoverko. Sed mi volas pledi por ankoraŭ pli vasta kompreno de ĝia signifo, kiel elemento en la daŭranta homara strebo vivi harmonie sur nia malgranda kaj unika planedo. Ŝajnas klare al mi, ke se Zamenhof vivus hodiaŭ, li senrezerve aliĝus al tiuj, kiuj alvokas por pli ekologi-konforma konduto de niaj nuntempaj socioj. Kiel ni ĉiuj povas atesti, nia industria civilizacio, inventaĵo de la lastaj jarcentoj, tendencas al troa, eĉ senbrida eksplutado de la naturo, kondutante ĝuste kiel la plej malbona gasto imagebla, kiu ne nur malpurigas la domon sed en la fino detruas ĝin. Tio estas precize la malo de la konduto, kiun rekomendus Zamenhof, ĉar se ni sekvas lian pensofluon, homarano ne povus esti alia ol bona samterano. Ambaŭkaze temas pri bona gastado, kun identa etika sinteno: paŝi leĝere, ami la aliulon, celi al daŭripovaj rilatoj de reciprokeco. Se la aliulo povas esti ankaŭ besto, planto, rivero, dezerto, arbaro, aŭ kiu ajn alia parto de la naturo, tio ŝanĝas nenion esencan pri la dezirinda konduto.

Tiuj pensoj venis al mi kvazaŭ enkonduke al nia ĉi-jara kongresa temo: "Turismo kaj evoluo: vojoj al daŭripovo." Unuavide tiu temo ŝajnas malproksime de la pensaj kontribuoj de Zamenhof, ĉe kiu oni vane serĉus vortojn kiel "daŭripovo" kaj "ekologio," ĉar en lia epoko oni ankoraŭ ne elpensis ilin. Pli profunda rigardo tamen montras la grandan kongruon inter lia rezonado kaj tiuj nuntempaj konceptoj. Daŭripovo, ni povus diri, estas nia nuntempa maniero paroli pri ne-entrudiĝemo, tiu zamenhofa koncepto kiun ni retrovas jam en la Unua Libro. Daŭripova socia evoluo estas tia evoluo, kiu reduktas la trudiĝemon de la socio al la ekologiaj kaj kulturaj sistemoj kiuj vivtenas ĝin. Kaj daŭripova turismo estas tia turismo, kiu celas disvolviĝi konforme al la bezonoj kaj kapabloj de la gastiganta lando kaj popolo, kontribuante al ĝia ekonomia, ekologia kaj kultura bonfarto. Kiel bona gasto.

# FESTPAROLADO DE LA PREZIDANTO DE UEA

Bona gasto ankaŭ strebas lerni de siaj gastigantoj. Kaj do por kelkaj minutoj mi invitas vin akompani min tra la vivoverko de korea pensulo, homo kiu vivis pli ol mil jarojn antaŭ Zamenhof, sed kiu ŝajnas al mi lia spirita parenco. Lia nomo estis Choi Chi-won; poste en sia vivo li alprenis la kromnomon Go-un, "Soleca Nubo." Kiel Zamenhof, li naskiĝis en reĝlando ĉe la periferio de granda imperio, la ĉina Tang-dinastio. Zamenhof edukiĝis en la rusa, fine vojaĝante al Moskvo por siaj universitataj studoj; Choi edukiĝis en la ĉina, irante nur 11-jara al Xian por enskribiĝi en la klasika imperia studsistemo; li restos for el Koreio ĝis sia 27-a jaro. Kaj ambaŭ homoj revenis hejmen forte konvinkitaj pri la bezono de spirita-etika reorientiĝo en la socio ĉirkaŭ si, al kiu ili dediĉos la reston de sia vivo.

Kiel Zamenhof, Choi pensis tute neortodokse. Li malakceptis la tradiciajn dividojn inter popoloj, ŝtatoj kaj religioj, resumante sian sintenon per la vortoj:

*La vero ne malproksimas de la homo,*
*Por homo ne ekzistas lando fremda.*

Ĉerpante el profunda kono de la instruoj de Konfuceo, Laŭzio kaj Budho, li pledis por ilia kunigo en komuna harmonia tuto kiun li nomis pung-nyu, laŭvorte "vent-fluado," sed kiu esprimas specon de serena kaj malfermkora vivĝojo. Proksimeco al la naturo estas esenca dimensio de tiu spirita orientiĝo, kaj efektive Choi pasigis siajn lastajn jardekojn kiel soleca saĝulo ĉe la montoj, verkante multajn naturpoemojn kune kun traktaĵoj pri filozofio kaj historio.

Kaj tamen ni devas konfesi, ke ambaŭ homoj iusence malsukcesis, laŭ siaj propraj kriterioj. Zamenhof, kiel ni scias, mortis meze de la Unua Mondmilito, laca kaj malgaja pro tiu eksplodo de interpopola malamikeco, kontraŭ kiu li luktis la tutan vivon. Kaj Choi vivis sufiĉe longe por vidi la definitivan disfalon de ambaŭ dinastioj, la ĉina Tang kaj la korea Silla, kiujn li provis renovigi kaj redirekti per siaj instruoj.

Kion do ni povas lerni, rigardante kune al la hebrea-rusa pensulo kaj la korea-ĉina pensulo, disigitaj de vastaj spacoj de tero, tempo kaj tradicio? Unue, ke la strebo kompreni la mondon kiel homo, preter la limoj de sia propra eduko, estas strebo vere universala. Ĝi ankaŭ klare estas strebo malfacila, en kiu oni riskas, kiel diris Zamenhof, "la batojn de l' sorto, la mokojn de l' homoj." Eĉ Choi, kies verkaro dum longa tempo estis konsiderata esenca parto de la korea kultura heredaĵo, devis suferi en pli modernaj tempoj la kritikojn de la naciistoj, kiuj opiniis lian amon al la ĉina kulturo kvazaŭ perfido al la patrujo. La batalo kontraŭ ŝovinismo kaj fremdulmalamo estas batalo eterna, en kiu oni malverŝajne atingos definitivan venkon.

Due, ĉe ambaŭ pensuloj ni vidas ke amo al la homaro kunezistas kun amo al la propra gento, la propra hejmlando, kaj aparte ĉe Choi, la propra tero. Oni ne lernas esti bona gasto nur per vojaĝado; oni devas ankaŭ lerni kaj praktiki tion hejme. Zamenhof kompreneble estis sindediĉa filo, frato, edzo kaj patro; li estis ankaŭ klera hebreo, "hebreo el la getto" kiel li mem deklaris sin, kaj lia vivoverko portas multajn spurojn de tiuj ligitecoj. Choi, reveninte al Koreio unuavice por prizorgi siajn gepatrojn, malkovris kaj esprimis en siaj postaj jaroj profundan spiritan rilaton kun la korea naturo. Al mi tio ŝajnas grava kaj foje subtaskata aspekto de la esperantista tradicio — ke nia movado kultivas ne nur vojaĝemon kaj internacian amikecon, sed ankaŭ aprezon de la propraj radikoj, certe lingvaj, sed ankaŭ kulturaj kaj eĉ ekologiaj. Tio estas nepre parto de la vojoj al daŭripovo, pri kiu indas diskuti ĉi-kongrese.

Trie, tiu gasta etiko, kiun Choi kaj Zamenhof ambaŭ siamaniere primeditis kaj disvolvis, konsistas en sinteno kaj praktiko ne nur sciencaj sed ankaŭ artaj. Ne ŝajnas al mi hazarde, ke ambaŭ homoj estis ankaŭ poetoj, kies plej famaj ideoj ofte esprimiĝis verse kaj metafore. Por ni esperantistoj, la muroj de miljaroj, la monto granita, la stelo en nokta ĉielo, tiuj kaj multaj aliaj stilfiguroj de Zamenhof formas parton de nia memkompreno. Kaj Choi sukcesis kapti, per elegante simplaj naturbildoj, la animstaton de homo vojaĝanta inter hejmoj:

*La ŝipo laŭ la plano venas ĉiun duan jaron;*
*Hontas sentaŭgulo hejmeniri purpurrobe.*
*Abrupta adiaŭo en Ŭuŝengo folifale;*
*Nun al Ŝilla alrigardi, kie fonas foraj floroj.*
*Iktero en la valo fluegemas longe, alte;*
*Porkoj de Ljaŭdongo senhonte spikumadas.*
*Volfirmo nepras nun, por poste ne bedaŭri.*
*Mi tostas sorĉan belon de ĉi natur' Gŭanglinga.*

Se vi sentas iom da malgajo en tiuj linioj, vi certe pravas. Bona gasto, bona turisto, kunportas kun si hejmsopiron. Kaj mi celas ne nur sopiron al la fizika hejmo, sed al hejmeco, al sento de aparteno. Ĉar ĉu ne ĝuste tion ni ĉiuj serĉas, ni kongresanoj, kiuj vojaĝis centojn kaj milojn da kilometroj por esti kune ĉi tie, por dum unu semajno senti nin samurbanoj? Ni trovas, aŭ esperas trovi, senton de aparteno kiu estas alia ol tiu kiun ni sentas en niaj loĝlokoj, alternativan hejmecon kiu kompletigas kaj pliriĉigas niajn aliajn hejmecojn.

Jen do nia paradoksa konkludo. Daŭripova turisto — en la zamenhofa lingvaĵo, homarano — estas homo, kiu sentas sin ĉiam kaj ĉie samtempe hejme kaj gaste. Ni paŝas zorge en la hejmoj de aliaj, ĉar ni komprenas, ke ili estas ankaŭ niaj hejmoj. Ni traktas delikate kaj ameme la propran hejmon, ĉar ni komprenas, ke ankaŭ tie ni finfine estas gastoj. Jes, ni ĉiuj estas gastoj sur ĉi tiu tero, kiun ni vizitas por tro mallonga tempo, apenaŭ sufiĉe por kompreni nin mem, por ne paroli pri la kompreno de niaj samteranoj. Tio estas nia sorto, kiel niaj grandaj antaŭuloj kiel Choi kaj Zamenhof klopodis klarigi al ni siamaniere, per siaj verkoj kaj siaj vivoj.

La kongresa semajno etendiĝas antaŭ ni. Mi esperas ke vi jam nun komencas senti vin hejme en nia urbo de gastoj. Mi esperas ke la multaj riĉaĵoj de la programo liveros abundajn okazojn por sperti apartenon, por kleriĝi pri nia kulturo, por disvolvi vian esperantistecon. Kaj mi esperas ke vi samtempe profitos la ŝancon ekkoni Koreion, se vi venis ĉi tien el alia lando, ekkoni ĝin kiel la hejmon de la koreoj sed ankaŭ de la korea naturo, sen kiu ĝi ne estus Koreio. La vojo al daŭripovo iras tra miloj kaj milionoj da tiaj spertoj, per kiuj ni lernas ami la diversecon de la mondo kaj labori por ĝia protektado kaj prizorgo. Kiel bonaj gastoj.

**D-ro Mark Fettes, la prezidanto de UEA**

## Fakkunsido de BLE en lundo matene

La horo kaj dato de BLE (Budhana Ligo Esperantista) jam 2-foje ŝanĝiĝis, kaj multaj budhanoj scias, ke la kunsido okazos en dimanĉo, sed la Kongresa Libro diras, ke tio okazos en lundo matene je la 9-a horo en la salono *Hodler*. BLE invitas ankaŭ ne-budhanojn, kiuj volas ekscii, kio estas budhismo.

**SO Gilgu, KN 36**

## Vespero de Seula Esperanto-Kulturcentro

Seula Esperanto-Kulturcentro havos kunvenon nome 'Vespero de Seula Esperanto-Kulturcentro' je la 18-a horo en la 26-a de julio (merkrede) en la manĝejo *Ĝin*, kiu situas najbare de Seula Esperanto-Kulturcentro (tuj malantaŭ la hotelo *Sejong*).

SEK sidas en la kvartalo *Myeongdong*, kiu estas la centro de Seulo. Mi esperas, ke multaj esperantistoj kolektiĝos en la manĝejo kaj havos agrablan tempon kun samideanoj de la mondo.

Estas interese, ke la mastrino de la restoracio estas dumonata esperantistino, kies Esperanta nomo estas Arĝenta. Provu paroli kun ŝi aŭ paroligi ŝin merkrede. (http://www.esperanto.kr)

**LEE Jungkee, KN 55**

## Helpu!

Iu viro prenis la koverton kun miaj biletoj kaj identigilo en la akceptejo de la studenta loĝejo. Bonvolu lasi ĝin en la informejo.

**Halina Komar, KN 485**

## Ŝanĝo de la programo

La teatro DOMA invitas vin al sia spektaklo. La loko estas ŝanĝita al la salono *Hodler* kaj ankaŭ la tempo estas ŝanĝita al 20h30, sed la dato estas sama, do, mardo. Vi ĝuos junularan teatron en pli teatreca etoso.

**KuboF Hromoslav <kubof.hromoslav@gmail.com>**

## Organiza programero por la postkongresaj ekskursoj

Se vi aliĝis al unu el la postkongresaj ekskursoj, bv. veni por informiĝi pri la detala programo kaj aliaj gravaj informoj pri via ekskurso.

Postkongreso P1: vendredo, 09h00-09h45 en *Šaturová*
Postkongreso P2: vendredo, 11h00-11h30 en *Albault*
Postkongreso P3: vendredo, 12h15-12h45 en *Šaturová*
Postkongreso P4: vendredo, 12h15-12h45 en *Šaturová*

**Tobiasz Kaźmierski**

## Blindula agado

Vi povos viziti brajlan bibliotekon en ĵaŭdo. Ĉi tiun kongreson partoprenas eĉ kvar el koreaj blindaj Esperanto-lernantoj! Du francaj blinduloj kun japanaj vidantoj vizitos la brajlan bibliotekon moderne ekipitan, kie unu el la koreoj estrumas kaj organizas Esperanto-kurson gvidatan de s-ro *HO Song*. Venu kun ni ĉiuj interesitoj pri la blindula kulturo.

En ĵaŭdo ni kolektiĝos je 13h00 antaŭ la kongresa informejo, kaj veturos taksie. (Pli oportune estas antaŭanonci telefone al +81 90 6790 5794)

**KIKUSIMA Kazuko (Krizantemo), KN122**

## Kiel atingi la balon kaj bankedejon

La bankedo (interne en la restoracio) kaj la kongresa balo (ekstere, se estas bona vetero), ambaŭ okazos en la Memorhalo de la Granda Reĝo *Sejong*.

La adreso: Cheongryangni-dong san 1- 157
(por montri al taksiisto en la korea:
동대문구 청량리동 산1-157 세종대왕기념관)

La kosto de taksiveturo povas esti malpli ol 5000 ŭonoj.

La distanco de la kongresejo ĝis la Memorhalo estas 2.3km kaj atingebla per 35-minuta piediro kaj per 6-halteja busveturo (n-ro 273). La busveturo kostas 1200 ŭonojn, do konsilindas taksie veturi kun 2-3 amikoj aŭ konatoj. Ankaŭ eblas parki aŭtojn.

Okazos la bankedo interne je 19h30-21h00 kaj la balo



*** Prenu la buson n-ro 273 en la haltejo *Oedaeap* sur la strata flanko de la kongresejo kaj eliru en la sesa haltejo *Gukbang yeonguwon*. Kaj revenu laŭ la mapo.**



*** La mapo estas por piedirantoj**

## TAGO DE LERNADO

### Edukado al respektoplena turismo

***Mardo, 25-a de Julio, salono Lapenna***

**09h00** **Malfermo**: salutoj
**09h10** **La eduksistemo de Koreio** (HONG Sungcho, lernejestro de virina altlernejo)
**09h40** **La jaro de Lernanto** (Mirejo Grosjean, Svislando)
**10h05** **Lerni pri la historio, en kiu hejmas niaj vizitatoj** (Probal Dasgupta, Barato)
**10h30** **Ekologia turismo kaj edukado: perspektivoj el Ameriko** (Duncan Charters, Usono)
**10h55** **Turismo kaj franca ekzameno 'Kapableco'** (François Lo Jacomo, Francio)
**11h20** **Pilgrimado kiel religio kaj turismo** (Leif Nordenstorm, Svedio)
**11h45** **Paŭzo**
**12h00** **Sukceso aŭ malsukceso - objektiva bilanco pri Ekparolu!** (Katalin Kovats, Nederlando)
**12h25** **Armenio - la lando alloga por turismo** (Karine Arakelyan, Armenio)
**12h50** **Esperanto-kursoj en la universitato RUDN** (Anna Striganova, Rusio)
**13h15** **Aktivula trejnado pri la plej kutimaj argumentoj kontraŭ Esperanto** (Rafael Henrique Zerbetto, Brazilo)
**13h40** **Graveco de edukado al respekto de naturaj kaj kulturaj havaĵoj** (Marija Belošević, Kroatio)
**14h05** **Anstataŭ ĝeno, Esperanto helpas al Unesko: Unesko-kuriero aperas en Esperanto** (Trezoro Huang Yinbao, Ĉinio)
**14h30** **Esperanto - ponto inter lingvoj kaj kulturo interuniversitata kolokvo en Rumanio** (Aurora Bute, Rumanio)
**14h55** **Fermo**

**Marija Belošević, KN 121**

## NOVAJ ALIĜOJ

| | | |
|---|---|---|
| 1138 | S-ro Pilgeun Yu | Korea Resp. |
| 1139 | S-ro Kim Kuynghoon | Korea Resp. |
| 1140 | S-ro Luiz Fernando Puhl | Brazilo |
| 1141 | S-ro Emanuele Regano | Italio |
| 1142 | S-ro Maeda Kaichi | Japanio |
| 1143 | S-ro Ĵunsong So | Korea Resp. |
| 1144 | S-ino Wanjing Jiang | Ĉinio |
| 1145 | S-ino Anne Vernet | Francio |
| 1146 | S-ro Dennis Keefe | Ĉinio |
| 1147 | S-ino Araksja Elbakjan | Armenio |
| 1148 | S-ino Lida Elbakjan | Armenio |
| 1149 | S-ino Choi Eun Suk | Korea Resp. |
| 1150 | S-ro Hwang Eui Lim | Korea Resp. |
| 1151 | S-ino Na Inseo | Korea Resp. |
| 1152 | S-ino Lee Jinju | Korea Resp. |
| 1153 | S-ino Jeon Hayoung | Korea Resp. |
| 1154 | S-ino Kim A Hyum | Korea Resp. |
| 1155 | S-ino Min Salong | Korea Resp. |
| 1156 | S-ino Mi Jeehei | Korea Resp. |
| 1157 | S-ro Isogai Naotake | Japanio |
| 1158 | S-ino Lee Soyu | Korea Resp. |
| 1159 | S-ro Lee Cheong | Korea Resp. |
| 1160 | S-ino Rinalda Golimeli | Brazilo |
| 1161 | S-ino Elisângela Lima | Brazilo |
| 1162 | S-ino Aurora Lima | Brazilo |
| 1163 | S-ino Ju Jeong Nim | Korea Resp. |
| 1164 | S-ro Gary Anderson | Usono |
| 1165 | S-ino Tai Emiko | Japanio |
| 1166 | S-ino Mineko Morishita | Japanio |
| 1167 | S-ino Lee Ju Hee | Korea Resp. |
| 1168 | S-ro Kaba Toyohiko | Japanio |

**(daŭrigota)**

### El la redakcio

La redakcio de la kongresa kuriero sub la titolo "*La Kandellumo Vera*" kolektas viajn kontribuojn per retadresoj: **chojus@gmail.com; chtaesok@hanmail.net** aŭ pere de organizantoj ĉe la informejo aŭ persone. Viaj raportoj, anoncoj kaj similaj por la venonta numero estu transdonitaj al la redakcio plej malfrue **je la 18a horo de la kuranta tago**.

Anticipan dankon pro via kunlaboro.

**CHOE Taesok, redaktoro**

### Hodiaŭa menuo en la universitata manĝejo

| Matenmanĝo 08h00-10h00 | Tagmanĝo 1 11h00-14h30 | Tagmanĝo 2 11h00-14h30 | Tagmanĝo 3 11h00-14h30 | Vespermanĝo 16h40-18h40 |
|---|---|---|---|---|
| Bugogukbap 1500krw | Tukpegi bulgogogi 2500krw | Donkasu 2000krw | Nengmjon 1500krw | Budecige 2000krw |
| Rizo kun polaka supo | Rizo, saŭcita porkaĵo en varma manĝujo | Rizo, porkaĵa kotleto | Malvarma nudelo en buljono | Rizo, supo kun ŝinko, legomoj, kimĉio |



# La Kandellumo Verda

*- Turismo kaj evoluo: Vojoj al daŭripovo -*

**Vetero: tage +34, sunbrilo**

KONGRESA KURIERO DE LA 102-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

**N-RO 4** | 2017 07 25, mardo

## OKAZIS

Dimanĉe okazis la Solena Inaŭguro de la 102-a Universala Kongreso de Esperanto en Seulo, al kiu aliĝis 1168 esperantistoj el 62 landoj (**Fotoj de FFT).**








## Internacia Kongresa Universitato

Dimanĉe okazis la inaŭguro de la 70-a sesio de la Internacia Kongresa Universitato (IKU) en la plena salono *Lapenna*. Malferme parolis *Mark Fettes*, prezidanto de UEA, kiu emfazis la gravan rolon de IKU kiel elstara kaj prestiĝa scienca programo dum la UK, kaj dankis al la IKU-komisiono kaj al ĝia multjara sekretario prof. *A. Wandel*, ankaŭ redaktoro de la IKU-libro, kiu chi-jare estas la plej ampleksa iam (190 p) kaj unuafoje aperas libroforme en aparte altnivela formato. Ĝi estas aĉetebla en la Libroservo por nur 30 mil KRW aŭ 24 euroj.

Sekvis konciza historia trarigardo de IKU, far *A.Wandel,* prezidanto de Akademio Internacia de la Sciencoj (AIS). Li memorigis ke la unua IKU okazis en 1925 kaj ĝis 1981 nomiĝis Internacia Somera Universitato. Dum la unua UK en Seulo, en 1994, okazis kadre de IKU modesta kunveno de AIS, kunordigita de *H.Frank* (fondinto kaj unua prezidanto de AIS) kaj *A. Wandel* (tiam la UEA-respondeculo pri scienca agado). El tiu ĝermo naskiĝis la komunaj IKU-AIS sesioj, kiuj regule okazas ekde 1995.

La IKU-rektoro, prof. *BAK Giwan*, invitis la prelegantojn de la 70-a IKU-sesio mallonge prezenti siajn prelegojn. La kvar unuaj IKU-prelegoj samtempe enkondukas 4 AIS kursojn kun po du daŭrigaj prelegoj. Fine de ĉiu kurso okazos facila ekzameneto por la partoprenantoj, kiuj ŝatus ricevi AIS-ateston. La atestoj estos disdonotaj publike, dum la Scienca Forumo en vendredo (Selten 11h15).

Sekve okazis la unua IKU-AIS prelego, pri interkultura kompetenteco, de d-rino *Cecily Lee* kaj prof. *Duncan Charters*. D-rino *Lee* klarigis la elementojn de la nova koncepto de Interkultura kompreniĝo (IKK), kiu konsistas el tri partoj: kogna - konoj kaj scioj, afekcia - emoj kaj sintenoj, kaj konduta - kapabloj kaj lertoj. En la lasta parto de la prelego prof. *Charters* demonstris, per ĉarmaj alegoriaj fotoj de infanoj, plurajn praktikajn konsilojn de IKK. Samtage posttagmeze okazis la dua prelego far prof. *Charters*, kaj la tria kun la ekzameneto okazos marde (Saturova 16h00).

Dum la aŭtora duonhoro marde matene *A. Wandel* prezentos i.a. la IKU-libron kaj la historion de ĝia verkado kaj produktado (Saturova 10h00).

**A. Wandel, KN 641**



**Prelegantoj de IKU**

## Amikumu atingis 5000 uzantojn dank' al UK!

Ĉu vi jam uzas Amikumu? Temas pri telefon-aplikaĵo (apo), per kiu oni povas vidi ĉu esperantistoj estas proksime. Imagu mian miron kiam mi alvenis kaj vidis jam 5 esperantistojn en la flughaveno de Seulo kaj tuj povis mesaĝi al ili… pluimagu mian miregon kiam mi alvenis ĉe UK kaj vidis, ke estas 50 esperantistoj ene de 100 metroj de mi!

Ĉu vi ŝatus pli facile trovi viajn konatojn en la amaso de UK? Amikumu donas virtualan tavolon al via konferenca sperto. Tiel vi povos vidi fotojn kaj biografiojn de la 100 plej proksimaj kongresanoj kaj tuj mesaĝi al ili. Vi krome povos tiel facile kaj rapide ricevi mesaĝojn de aliaj. Oni povas diri, ke Amikumu iusence estas la Mesaĝtabulo 2.0.

Do, se ankoraŭ ne estas membro de Amikumu, tuj elŝutu ĝin en vian poŝtelefonon kaj pluesploru la homojn ĉirkaŭ vi. Se vi jam estas membro, certigu, ke vi havas bonan biografion kaj foton. Per bona foto, homoj povos pli facile hazarde rekoni vin poste! Krome, kiel speciala oferto dum UK, trovu *Richard Delamore* (*Evildea*) aŭ *Chuck Smith* kaj se vi havas plenan profilon, ni donacos al vi belan sakon de Amikumu! Se vi ne povas trovi nin, simple sendu mesaĝon al ni per Amikumu kaj ni trovos vin!

Cetere, mi ne povas ne mencii, ke la oficiala sponsoro de Amikumu estas la Universala Esperanto-Asocio. Ni tre dankas al nia partnero pro la granda subteno kaj antaŭĝojas vidi ankaŭ vin en Amikumu!

**Chuck Smith, KN 214**



## Aikido

La kleriga Lundo de Aikido okazis 9h00-10h30 en lundo sub la gvido de *Mireille Grosjean* en la salono *Albault.* Ŝi agadas por vastigi Aikidon al esperantistoj kaj Esperanton al ludantoj de Aikido. Ŝi rakontis pri la principo de Aikido. Ĝi ne celas batali, nek vundi homojn, sed pacigi kaj sanigi homojn. Ĉirkaŭ 40 kongresanoj ĉeestis. Ili spertis kelkajn bazajn movojn de Aikido.

**MATUMOTO Akira, KN 805**

## Ŝanĝoj en la kulturprogramo

**1. La prezento de Espera Mondo** ne plu okazos en mardo, 23 julio. Ĝi moviĝis al ĵaŭdo, 27 julio je 21h00, en la sama salono *Hodler*!

**2. La teatraĵo "El la vivo de insektoj"**, mardo, 25 julio, okazos en la salono *Hodler*, je la 20h30! Ĝi ne plu okazos en la salono Zamenhof!

## Kantontoj de nia himno "La Espero"

Karaj kantontoj de nia himno "La Espero", bv. ripetadi la kantvortojn de tri strofoj. Nur post sukcesa kantado vi ricevos atestilon - kaj la parodian version "En la liton venis nova sento".

**Dieter Rooke, KN 136**

## Hodiaŭaj Aŭtoraj Duonhoroj

La Aŭtoraj Duonhoroj okazontaj hodiaŭ estos:

10h00: Amri Wandel

17ĥ00: Anna Striganova

Ambaŭ okazos ĉe la salono ŠATUROVÁ (ĉambro 302, 3-a etaĝo).

Se vi interesiĝas pri kontribuo al la Aŭtoraj Duonhoroj okazontaj ĝis la fino de la kongreso, bv. sendi retmesaĝon al Sara Spanò <mariarosaria.spano@gmail.com> - KN 53.

## Ludantoj plu serĉataj por futbalo

Ĉu vi ludas futbalon? Ĉu vi ŝatus reprezenti al la Esperanta Selektitaro dum la ĉi-jara futbalmatĉo ĵaŭde je la 17a horo? Trovu la budon de TEFA kaj informu vian intereson al la trejnisto S-ro *Juan Pablo Alvarez* aŭ al la s-ino *Leticia Dorman* aŭ sendu "*whatsapp*" mesaĝon al ili: +33651373293

**TEFA-Teamo**

## Komuniko pri la ekskurso D5 Botanikejo Hongneung

Kaze de pluvo la ekskurso ne iros al la Botanikejo, sed al alia loko. Alikaze la ekskurso okazos normale.

**Tobiasz Kaźmierski**

## TEJO - Rotary Vespermanĝo Seulo 2017

Subtena vespermanĝo por IJK en Afriko

Ĉefa konstruaĵo de HUFS, 13-a etaĝo

Minimuma donaco 45 eŭroj

Dum la vespermanĝo okazos mallongaj prezentoj pri la agado de TEJO, pri la Rotaria eKlubo Esperanto kaj pri la kunlaboro por sukcesa IJK 2017 en Togolando.

Por kontaktoj: Francesco Maurelli, KN 434

prezidanto@rotayeclubesperanto.org

Michael Boris Mandirola, miĉael-boris@tejo.org

**Francesco Maurelli, KN 434**

## Veturado al la flughaveno

Mia flugo estas dimanĉe je la naŭa horo matene (Air France al Parizo). Mi devos esti en la flughaveno *Incheon* je la sesa horo. Konsekvence mi devos forlasi la urbon, mian hotelon, je la kvara. Mi ne ankorau esploris, ĉu iu publika buso veturas je tiu horo. Pro tio mi demandas, ĉu iu persono, plej bone du, veturus kun mi per taksio. Bv. informi min en la budo de ILEI en la unua etagho.

**Mireille Grosjean, KN 218**

## Simpozio HUFS-ILEI

Ĵaŭdon je 09h30-15h30 en la ĉambro 101 (teretaĝo) de la konstruaĵo "Jura Domo" apud la Studendaj Ĉambroj

Jen la tagordo:

| | |
|---|---|
| 09h00-09h30 | Registriĝo |
| 09h30-10h00 | Malfermo |
| 10h00-10h20 | Esperanto instruado-edukado en tutmonda skalo (Mireille GROSJEAN) |
| 10h20-10h40 | Panorama metodo (Tosihiro YAMASITA) |
| 10h40-11h00 | La lingvo de espero (Markus GABOR) |
| 11h00-11h20 | Pri la organizaĵo Infanoj Ĉirkaŭ la Mondo (Ronald GLOSSOP) |
| 11h20-11h40 | Konciza Historio de Esperanto-Movado en Ĉinio (Xiaofeng GONG) |
| 11h40-12h00 | Koreio kaj Esperanto (Youngkoo LEE, PARK Yongsung) |
| 12h00-13h00 | Tagmanĝo |
| 13h00-13h20 | Lingvistiko, instrumetodoj kaj Esperanto: ne forlasu la plenkreskulojn! (Rubén Fernández Asensio) |
| 13h20-13h40 | Esperanto-edukado kaj ĝiaj perspektivoj en Rusio (Dmitrij Ŝevĉenko) |
| 13h40-14h00 | Instruado/lernado de Esperanto en Rumanio (Maria BUTAN) |
| 14h00-14h20 | Esperanto-edukado kaj ĝia perspektivo en Litovio (Dalia Pileckienė) |
| 14h20-14h40 | La situacio de instruado de Esperanto en lernejoj iam kaj nun (Katalin Kovats) |
| 14h40-15h10 | Demandoj kaj respondoj |
| 15ĥ10-15h30 | Fermo |

**Youngkoo LEE, KN 74**



## ANONCOJ

### Informoj pri la KER-ekzamenoj

Informprelego, preparsesio: lundon, ekde 10h45 Selten
Aliĝformularo: www.edukado.net/ekzamenoj/ker/sesioj

**Ekzamentago:** Vendredo, la 28a de julio
12h00 - Solena malfermo, disdono de la atestiloj de la 6a Tutmonda Sesio - Salono Albault

**Aŭdkomprenaj, laboratoriaj partoj por kandidatoj de parola aŭ kompleksa ekzamenoj**

12h15 - 13h00 B1 Kompleksa kaj nur parola partoj - Salono Albault
12h15 - 13h00 C1 Kompleksa kaj nur parola partoj - Salono Blanke
13h00 - 13h45 B2 Kompleksa kaj nur parola - partoj Salono Blanke

**Skribaj ekzamenoj**

14h00 - 16h00 B1 Kompleksa kaj nur skriba partoj - Salono Blanke
14h00 - 18h00 C1 Kompleksa kaj nur skriba partoj - Salono Blanke
15h00 - 18h00 B2 Kompleksa kaj nur skriba partoj - Salono Blanke




Dume disvolviĝos individuaj parolaj ekzamenoj ekde 09h00 dum la tuta tago en aparta salono en la 4a etaĝo, maldekstre de la lifto.

**Katalin Kovats, KN 1021**

### Premio por la 2000a KER-kandidato

Laŭ realaj kalkuloj dum la kongresa semajno en Seulo ekzameniĝos la 2000a diplomoto laŭ la KER-ekzamensistemo. *Katalin Kovats* persone premios la bonŝanculon, kiu havos tiun numeron en sia atestilo per repago de la koncerna ekzamenkotizo.

Aliĝi eblos ĝis la merkreda noktomezo ĉe www.edukado.net/ekzamenoj/ker/sesioj

**Katalin Kovats, KN 1021**

## UTILA INFORMO

### Kiel konekti interreton en la kongresejo

Hieraŭ posttagmeze ekestis la problemo por uzi interreton. La maniero estas komplika, sed la principo estas simpla.

(1) Konektiĝi al 'Hufs_Seoul' per pasvorto 'hufs_seoul'
(2) Ensaluti per la uzantnomo 'guest' kaj la pasvorto 'esperanto' ĉe la retejo http://2.2.2.2/
(A) Atentu pri SSID: ne 'Hufs_Seoul_HELP', sed 'Hufs_Seoul'
(B) Atentu pri minuskla pasvorto.
(C) Android telefono aŭtomate montras ensalutan paĝon. Sed iPhone montras nenion.
Do malfermu Safari (aŭ Chrome - retumilo) kaj tajpu la adreson 'http://2.2.2.2/'
(D) Avertiga afero pri Certificate aperas. Sed vi devas ignori kaj daŭrigi antaŭen, por ensaluta paĝo. (Ĉi tiu etapo malsamas en ĉiu telefono).
(E) Ĉe la ensaluta paĝo, vi tajpu 'guest' kaj 'esperanto'. Kaj puŝu send-butonon. La blua butono suba.
(F) La retpaĝaro postulas du aŭ tri fojojn da ensalutado.
(G) Se vi ripete ensalutas, montriĝas mesaĝo, ke vi estas jam konektita - 'already connected'

Gratulon! Vi estas nun konektita. Malfermu vian ŝatatan retpaĝon kaj ĝuu ĝin.

**KIM Hiongun, KN 353**

### El la redakcio

La redakcio de la kongresa kuriero sub la titolo "*La Kandellumo Vera*" kolektas viajn kontribuojn per retadresoj: **chojus@gmail.com; chtaesok@hanmail.net** aŭ pere de organizantoj ĉe la informejo aŭ persone. Viaj raportoj, anoncoj kaj similaj por la venonta numero estu transdonitaj al la redakcio plej malfrue **je la 18a horo de la kuranta tago**.

Anticipan dankon pro via kunlaboro.

**CHOE Taesok, redaktoro**

### Hodiaŭa menuo en la universitata manĝejo

| Matenmanĝo 08h00-10h00 | Tagmanĝo 1 11h00-14h30 | Tagmanĝo 2 11h00-14h30 | Tagmanĝo 3 11h00-14h30 | Vespermanĝo 16h40-18h40 |
|---|---|---|---|---|
| Sagol ugoĝi gukbap 사골 우거지 국밥 1500krw | Dakgalbi dopbap 닭갈비 덮밥 2500krw | Kimĉi bokum dopbap 김치볶음 덮밥 2000krw | Supageti 스파게티 1500krw | Bokumbap caĝang 볶음밥 짜장 2000krw |
| Rizo, bovosta buljono kaj legomoj spicitaj per sojfaba pasto | Rizo kun kokaĵa brusto | Rizo kun frita kimĉio | Spagetoj | Fritita rizo kun ĉinstila sojpasto |



# La Kandellumo Verda

- Turismo kaj evoluo: Vojoj al daŭripovo -

**Vetero: tage +34, parte sunbrilo**

KONGRESA KURIERO DE LA 102-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO **N-RO 5** | 2017 07 27, ĵaŭdo

## OKAZIS

### Pri Ekskurso E1 al la limo

Ekde la fino de la Korea Milito en la jaro 1953 la limo estas en la manoj de Unuiĝintaj Nacioj. UN kreis zonon ĉirkaŭ la limo el 2 km en la nordo kaj 2 km en la sudo, do entute 4 km larĝan bandon inter la Flava Maro en okcidento kaj la Orienta Maro (Japana Maro); kun longeco proks. 280 km.

Pro tio ne eblas skribi, kiel aperis en la kongresa kuriero numero 1, ke la postuloj pri aspekto de la vizitontoj venas de la "Korea Senarmeigita Zono". La senarmila zono en la manoj de UN estas vartita de NNSC (*Neutral Nations Supervisory Commission*) observa komisiono de neŭtralaj nacioj.

Ekde 1953 tiu komisiono grupigas taĉmentojn el Pollando, Ĉeĥoslovakio, Svislando kaj Svedio. Nuntempe deĵoras tie Svedio kaj Svislando kun po 5 soldatoj. Tiu komisiono kunlaboras ankaŭ kun sud-korea kaj usona armeoj. Pli da detaloj troviĝas en la blogo (mirejo.blogspot.com) esplorante pri *PAMNUNJOM*.

http://mirejo.blogspot.kr/2008/09/panmunjom.html

La organizantoj de la ekskursoj sukcesis rilati kun turisma agentejo en Seulo kaj usona bazo en *Panmunjom*.

**Mireille Grosjean, KN 218**



### Kristanaj aranĝoj dum la UK

Dum la 102-a UK dimanĉon laŭ tradicio okazis la Ekumena diservo en la katolika preĝejo *Imun-dong* proksime al la kongresejo. Ĝin gvidis pastoro el Svedio *Leif Nordenstorm* kaj ĉeestis kvindeko da kongresanoj, inter kiuj estis multaj novaj vizaĝoj. Oni preĝis i.a. por la kongresanoj kaj ĉiuj kristanaj esperantistoj. Sekvis la meso en Esperanto, kiu la unuan fojon okazis en Koreio. La celebranto estis sacerdoto *Bonifacio Gim Chungsu*, kiu, kvankam mem ne esperantisto, renkontiĝis kun Esperanto dum sia studado. La meson ĉeestis trideko da kongresanoj, inter kiuj estis multaj koreaj esperantistaj katolikoj. Jen bela espero por IKUE. Ankaŭ la meson ĉeestis la ĵurnalistino de la katolika gazeto, kiu intervjuis la vicprezidantinon de IKUE *Marija Belošević*.

Marde okazis la komuna kunsido de IKUE kaj KELI. *M. Belošević* kaj *L. Nordenstorm* prezentis la historiojn kaj agadojn de ambaŭ asocioj. Aparte oni atentigis pri la ekumena agado kaj anoncis la venontjaran Ekumenan Esperanto-Kongreson, kiu okazos de la 6a ĝis la 13a de aŭgusto en *Podebrady*, Ĉeĥio.

**Marija Belošević, KN 121**

### E-karavano tra Rusio al Seulo

De la 4a ĝis la 22a de julio tra Rusio trajnumis 38 personoj el Belgio, Bulgario, Germanio, Francio, Rusio, Svislando kaj Usono. La rusiaj geesperantistoj varme akceptis siajn gastojn en Sankt-Peterburgo, Moskvo kaj Vladivostoko. La nekutime malvarma kaj ofte pluva somera vetero ne malhelpis al gekaravananoj konatiĝi kun certaj vidindaĵoj de la vizititaj urboj, ĝui varian kulturan programon.

La ŝipumado sur la Bajkal-lago, baniĝo en varmaj fontoj de siberia regiono, gustumo de burjata kuirarto kaj multo alia restos por longe en memoro de vojaĝintoj, same kiel trajnumado mem en komfortaj vagonaj kupeoj en E-samideana rondo. Seulon ili atingis per rekta flugo el Vladivostoko. Rememorojn pri la pasinta E-karavano iom pli poste vi povos legi en http://www.esperanto-karavano.info

**Tatjana Loskutova, KN 156**



## OKAZIS

### Junulara programo: Monstro

Lundon 24-an/07/2017 je 16h00 kadre de la Junulara Programo estis projekciita la filmo Monstro (2016, korea titolo: 괴물, *Gwoemul*, usona titolo: *The Host*).

La filmon realigis la fama korea reĝisoro *Bong Joon-ho*, kies plej lasta filmo *Okja* estis montrita en la Festivalo de *Cannes* 2017 kaj alia konata filmo estas *Snowpiercer* (2013).

Kvankam mi jam spektis ĝin kineje, mi plezure revidis ĝin, ĉi-foje kun Esperantaj subtekstoj pretigitaj de la Korea Esperanto Junularo, kun kelkaj misoj, sed ĝenerale bonaj, ebligantaj sekvi la tutan rakonton.

La filmo estas laŭ mi bonega: ĝi estas kaj monstrofilmo amuza, timiga, suspensplena, kaj familia dramo kortuŝa. Mia noto: 4/5.

Dudeko da homoj ĉeestis ĝis la fino, je 18-a kaj iom, kaj tiam hastis al la komuna fotado.

Koree,

**Aleks Kadar, KN 640**

### ATEO

La kunsido de ATEO okazis dimanĉe la 23an de julio je 17h15 en la salono *Selten*, sub gvido de *Dieter Rooke*. Partoprenis dudeko da homoj; duono membroj de la asocio, duono ne. La ĝenerala temo estis "Ateismo en Azio". Prelegis D-ro *Giridhar Rao* pri la aktuala situacio de ateismo en Barato, kie iuj ekstremistoj instigas al ne-toleremo kontraŭ alireligiuloj kaj ateistoj. Sed nuntempe ankaŭ hinduoj protestas - "Ne nianome!" - kontraŭ ne-toleremo, tiel ke la ateistoj ne restas izolitaj en sia protesto.

Estis tre interesaj demandoj kaj komentoj de japanaj kaj alidevenaj partoprenantoj pri la difino de ateismo, pri la statuso de religioj kaj pri ilia rolo en diversaj etapoj de la vivo. Kiel komentis poldevena partoprenantino nun vivanta en Japanio: "En Japanio ne esti ano de religio estas ordinara afero; en Pollando esti katolika estas ordinara afero, kaj ateismo estas protesto."

**Claude Nourmont, KN 596**

### La filmo "Plena Rondo"

La filmo 'Plena Rondo' farita de *Anti-cool*, japana artistino estis prezentita marde (pri la enhavo, bv. legi la paĝon 74 de la Kongresa Libro).

Ĉirkaŭ 60 homoj kolektiĝis. Ĝi iniciatas per sia Tutmonda Filmoprezenta Tago, la 21a de oktobro, diskuton pri la signifo de lingvo, ĝiaj lokoj kaj povo en nia tutmondiĝinta socio.

Ni alvokas vian partoprenon. Kunlaborantoj por fari subtitolojn en diversaj lingvoj estas serĉataj! Interesiĝantoj turnu sin al la retejo: http://www.plenarondo.com

**Kitagawa Ikuko, KN 165**

### Aŭkcio atendas vin!

Vendrede, en la salono *Hodler* ekde 16h30 ĝis 18h00 vi povas ne nur ĝui la gvidadon de prof. *Humphrey Tonkin*, sed eble ankaŭ ekhavi la urbakceptan karton kun originala subskribo de *Fidel Castro* el 1990, aŭ lernilojn, poŝtkartojn pli ol 100-jarajn - kaj ni eĉ ne parolis pri la arĝenta tekulero kun bildo de *Zamenhof*. Ni haltu nun en la listigo, ĉar pli ol 40 aŭkciaĵoj atendas vin vendrede. Memoru, ke via mono servos bonan celon: ĝi subtenos la Volontulan Servon, ebligante ke homoj povu volontuli en la Centra Oficejo el la tuta mondo.

Venu por ĝui kaj subteni!

**Veronika Poór, KN 61**

### Aŭtoraj Duonhoroj

Dum la hodiaŭaj Aŭtoraj Duonhoroj vi havos la ŝancon renkontiĝi kun *Marija Belošević* kaj *KIM Uson*. Ambaŭ duonhoroj okazos en la salono *Šaturová* (ĉambro 302, 3-a etaĝo). Se vi interesiĝas kontribui al la Aŭtoraj Duonhoroj okazontaj ĝis la fino de la kongreso, liberas la morgaŭa posttagmeza duonhoro (15h00-15h30).

**Sara Spanò <mariarosaria.spano@gmail.com>, KN 53**

### Bonvenon al Ŭonbulismo

Tiuj, kiuj aliĝis al la evento "Bonvenon al Ŭonbulismo", venu ĝis **12h40** post la fermo de la kongreso, **al la stadiono** ĉe la ĉefa konstruaĵo de la kongreso. Tie vin atendas tri busoj, kiuj ekveturigas je **13h00** al la renkontiĝejo. Konsilindas ke vi jam kunportu viajn valizojn el via hotelo, venante ĉeesti la kongresan fermon. La kotizon pagu en la buso per eŭroj aŭ ŭonoj. Bonvenon!

**JUNG Hea-young (Sveka), KN 1061**



*** Komuna memorfoto de la 102-a Universala Ko**

*** Memorfoto (35cm x 15cm; nur 100 ekzempler**

## Kiel atingi la Civitanan Halon por la urbestra akcepto

La urbestra akcepto (14h30-15h30) okazos ne en la kongresejo, sed en **la Taepyeong Halo de la Civitana Halo** (Domo). La loko facile atingeblas per metroo. La veturo daŭras ĉirkaŭ horon ekde la kongresejo.

1) Prenu metroon direkte al la Seula stacidomo kaj elmetroiĝu en la haltejo *City Hall* (시청역) kaj iru al la **elirejo n-ro 4** (서울특별시청 시민청).

2) Malfermu la pordegon al la Civitana Halo (*Seoul Citizens Hall*) kaj dekstren iru ĝis la verda kolono, malantaŭ kiu estas lifto. Malsupreniĝu, kaj vi trovos vian cellokon en la subtera dua etaĝo.

Aŭ **kolektiĝu je 13h30 ĉe la informejo kaj vin kondukos koreaj esperantistoj ĝis la celloko**.

**LKK**

## Manifestacio kaj futbalmatĉo

Surstrata manifestacio por diskonigi Esperanton al la loka publiko okazos ekde 16h30 de la kongresejo ĝis la liceo *Kyunghee*, kie okazos la tria Pokalo *Zamenhof*. Tuj poste, je 17h00 la Esperanta teamo ludos kontraŭ la loka teamo *Dongdaemun-gu*. Partoprenu en la manifestacio kaj spektu kaj subtenu la Esperanto-teamon.

## Scienca Kafejo

Selten 11h00-13h30. La Kafejo konsistas el kvin popularaj prelegoj. Ĉiu prelego estas duonhora pri tre diversaj temoj: kiel Antagonismo vojsignoj - internacia lingvo?; korea ginsengo ktp.

**Amri Wandel, KN 641**

## Pontkunveno por la Unuiĝo de Koreio

**1. Pontkunveno en la Kongresejo**

* Kiam: julio 27(ĵaŭ.), 16h00-18h00
* Kie: salono **Elpin**, #106 (Sociscienca Domo)

**2. Pontkunveno en la Korea Parlamentejo**

* Kiam kaj kie: julio 28 (ven.) en la 2a konferencejo de la Parlamentana Domego

12h00 Ekiri de la Kongresejo (buse 45 minutojn ĝis la Parlamentejo)
**Amasiĝu 10 minutojn antaŭ la ekiro antaŭ la ĉefa konstruaĵo de la kongresejo.**

12h45-14h00 Promeni, foti kaj tagmanĝi en la Parlamentejo

14h00-17h00 Partopreni en la Pontkunveno por la Unuiĝo de Koreio

18h00 Alveni al la kongresejo

* Demando: d-ro *SO Gilsu* (Tel: +82 10 8869 9930)
* Bv. sin anonci tiuj, kiuj jam antaŭ la UK rezervis sian lokon por la Pontkunveno. La limdato estas 14h00 en la 27a de julio. Ni devas transdoni al la Parlamento la lastan liston por enirpermeso.







ongreso de Esperanto en Seulo (foto: SO Jinsu de FFT)
roj) aĉeteblas kontraŭ 4000 ŭonoj ĉe la koncerna giĉeto en la unua etaĝo de la kongresejo.

## Korea Antologio de Noveloj

Ĉi tiu Antologio atingis la duan eldonon, tre ampleksigitan per multaj valoraj tekstoj kompare kun la jam interesa eldono de 1999.

Estis granda honoro ne nur provlegi la tekstojn, sed ankaŭ plurfoje renkonti 'malgraŭ malforta sano' s-ron *CHO Sung Ho* kaj la novan ĉefredaktoron, s-inon *KIM Uson*, kiu ankaŭ cetere min helpadis. Jam en la ILEI-kongreso eblis prezenti ion el la Korea literaturo, sed se mencii nur unu tekston el la nova antologio, la aktuala proceso pri ole-poluo de insulo el apuda rafinejo kun ĉiuj peripetioj (fulmrapidaj situaciŝanĝoj), inkl. malkovron de grandskala koruptado, efikas hororfilme.

Mi povas nur varme rekomendi ĉi tiun brilan eldonon de Korea Esperanto-Asocio, kies prezo por preskaŭ 550-paĝa bele bindita libro estas vere modesta.

**Robert Moerbeek, KN 42.**




## Renkontiĝo post 31 jaroj:

Mia unua UK estis en Pekino en 1986. Tiam mi estis 15-jara kaj partoprenis kun mia patrino. Estis mia unua sperto pri Esperanto en fremda lando. En tiu vojaĝo mi faris novajn geamikojn, inter ili mi konatiĝis kun Patrino kaj filino (10-jara) el Germanujo kaj ankaŭ kun Japana Patrino kaj filo. Post la paso de la jaroj tiu Japana Patrino fariĝis mia patrina fratino kaj ili fariĝis samĉambraninoj dum Esperantaj vojaĝoj. Ŝia nomo estas *Masami Suzuki*, bedaŭrinde ŝi jam forpasis, sed antaŭ ol veni al la Seula UK, ni vizitis Japanion kaj ni havis la bonŝancon denove renkontiĝi kun *Phoebe* el Germanjo kaj *Norio* (filo de *Masami*). Post 31 jaroj nia amikeco longe daŭras. Nun mia filo estas 15 kaj li kun mia filino (12) partoprenas en la IIK. Ĉu la historio ripetas kaj miaj gefiloj renkontos siajn novajn geamikojn post 31 jaroj en la jaro 2,048 kaj li skribos similan artikolon? Same kiel mi nun? La semoj, kiujn plantis miaj geavoj ankoraŭ estas vivaj kaj la fruktoj videblas kaj sentas en la Esperanta amikeco dank' al nia amata kaj kara lingvo.

**Joaquin Rosillo Vega Acosta, KN 126**

## Scivolemulo sekvis

Deko da kongresanoj kunveturis de la flughaveno al la kongresejo. Ni havis Esperanto-flagon kaj interbabiladis. Unu scivolemulo alparolis nin kaj ni klarigis pri la lingvo. Li jam lernas Esperanton ĉe *Duolingo*. Mi denove certiĝas, kiom gravas kolektiva moviĝo kun Esperanto-interparolo.
https://www.facebook.com/luuuke.hutch/posts/10154672316721720

**Jurgita Narbutienė, KN 678**

## El la redakcio

La redakcio de la kongresa kuriero sub la titolo "*La Kandellumo Vera*" kolektas viajn kontribuojn per retadresoj: **chojus@gmail.com; chtaesok@hanmail.net** aŭ pere de organizantoj ĉe la informejo aŭ persone. Via kontribuaĵo estu transdonita al la redakcio plej malfrue **je la 18a horo de la kuranta tago**. Anticipan dankon pro via kunlaboro.

**CHOE Taesok, redaktoro**

### Hodiaŭa ĉefmanĝaĵo en la universitata manĝejo

| Matenmanĝo 08h00-10h00 | Tagmanĝo 1 11h00-14h30 | Tagmanĝo 2 11h00-14h30 | Tagmanĝo 3 11h00-14h30 | Vespermanĝo 16h40-18h40 |
|---|---|---|---|---|
| Denĝancige 된장찌게 1500krw | Ĉolpan bokumbap 철판 볶음밥 2500krw | Galbitang 갈비탕 2000krw | Colmjon 쫄면 1500krw | Sangĉu bulgogi bibimbap 상추 불고기 비빔밥 2000krw |
| Rzo, sojpasta supo en varma ujo | Fritita rizo sur pato | Rizo kun bovoripa supo | Firma malvarma nudelo | Rizo kun laktuko kaj porkaĵo |



# La Kandellumo Verda

*- Turismo kaj evoluo: Vojoj al daŭripovo -*

**Vetero: tage +30, nubo**

KONGRESA KURIERO DE LA 102-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO | **N-RO 6** | 2017 07 28, vendredo

## OKAZIS

### Kunveno de komunistoj

La nomo de la salono *Blanke* estis ĝuste elektita, ĉar la ĵusforpasinto tradukis la Manifeston de Komunista Partio. Kamaradino *Marianne Dunlop* (KN 901) lerte gvidis la kunvenon, skizante la plej gravajn eventojn, post la 100-jara proleta revolucio en Rusio. La tutmonda unuiĝo estas i.a. tasko ne nur de komunistoj, sed de la homaro.

**Dieter Rooke, KN 136**

### Revo realiĝis en la futbalmatĉo

Ĵaŭdon surstrata manifestacio, akompanate de la studenta tradicia muziktrupo de HUFS, por diskonigi Esperanton al la loka publiko okazis ekde 16h30 de la kongresejo ĝis la liceo *Kyunghee*, kie okazis la tria Pokalo *Zamenhof*. Ĝis nun malvenkis la Esperanto-teamo kontraŭ loka teamo.

Tial la deziro venki estis tre granda. Pli ol cent esperantistoj arde subtenis la Esperanto-teamon. Rezulte la teamo venkis je 1:0 kontraŭ la loka kvartala teamo, kiu interalie donacis kvindeko da memortukoj al LKK. Entuziasmo, ĝojo, amikeco plenigis la ludejon.

**CHOE Taesok, KN 75**




* Manifestacio survoje al la futbalmatĉo



* Memorfotiĝo post la historia venko

## OKAZIS

### Pola Ambasado kaj Kongreso

Pollando - la lando, kiu estis lulilo de Esperanto, kie naskiĝis kaj vivis nia Majstro D-ro Zamenhof, kaj kie troviĝas lia tombo de post lia morto antaŭ cent jaroj. La aferŝarĝito *Joanna Wasiewska* honorigis la kongreson per sia ĉeesto en la solena inaŭguro lastadimanĉe. Marde, la 25an de Julio polaj kongresanoj vizitis la Polan Ambasadon en Seulo, kaj spertis varman akcepton fare de la polaj diplomatoj en Koreio. Estis okazo danki pro la belega ekspozicio pri *Zamenhof* videbla en la kongresejo, kaj pro la senpagaj samtemaj broŝuroj, kiujn por la kongresanoj eldonis la Pola Ambasado.

**Leszek Kordylewski, KN 486**



### Sukcesa vizito al la Blindulcentro

Kiel anoncite en la tria numero de la kuriero, ĵaŭdon posttagmeze vizitis brajlan bibliotekon ok kongresanoj: du francaj blinduloj, kvin vidantoj (el ili unu franco kaj du japanoj estis interesitaj de la anonco en la kuriero) kaj koreo s-ro Nepre. Nin atendis kvar blindaj Esperanto-lernantoj. En gaja atmosfero ni povis interŝanĝi informojn pri diversaj blindulrilataj temoj.

En 12-14 oktobro 2018 en la japana urbo *Nara* okazos la 2-a Komuna Esperanto-Kongreso de la Japana kaj la Korea. Japanoj proponis aranĝi unu- aŭ du-tagan antaŭ- aŭ post-kongreson por viziti blindulrilatajn instancojn en la regiono Kansajo. Koreaj komencantoj forte interesiĝis pri tio kaj promesis serioze lernadi Esperanton por vojaĝi al Japanio.

**KIKUSIMA Kazuko (Krizantemo), KN122**

### Goo-ludo anstataŭ Hangulo

Ĵaŭdon sesdeko da homoj sidis en la salono *Selten*, atendante la prelegon pri Koreio 7: Hangulo..., kvankam ja estis anoncite en la 1-a, sabata, Kuriero, ke ĝi ne okazos.

Post kelkaj minutoj *Hori Jasuo* (KN 34) laŭ la sugesto de *Roman Efremov* (KN 247) proponis al la ĉeestantoj prezenti goo-ludon. Ilia komuna prelego, inkluzive vivan ludon ĉetabule, kaptis la atenton de inter 30 kaj 40 homoj.

Estis amuze, ke en la salono nomita laŭ la Nobel-premiito pro ludo-teorio, ludeca prelego pri la korea alfabeto Hangulo estis surprize anstataŭigita de prelego pri la strategio-ludo goo.

**Aleks Kadar, KN 640**

## EKSKURSOJ











## Kiel atingi la flughavenon Incheon

Jam estas la tempo informi vin kiel atingi la flughavenon *Incheon*. Revenu sammaniere, kiel vi venis, aŭ demandu vian hotelon. Jen estas la informo pri la flughavena buso plej proksime de la kongresejo.

La haltejo de la **flughavena buso n-ro 6002** estas ĉe la placo de la stacidomo *Cheongnyangni*. Eliru el la elirejo 4 de la unualinia metroo.

La buso estas pli-malpli en ĉiuj 15 minutoj. La unua buso estas je 04h30 kaj la lasta je 21h00. La bileto kostas 10 000 ŭonojn. La veturo daŭras ĉirkaŭ 100 minutojn. Atingu la flughavenon minumume du aŭ tri horojn antaŭ via ekflugo.

*http://www.airportlimousine.co.kr/eng//lbr/all/lbr02_1_6002.php*

**CHOE Taesok, KN 75**




## Ŝanĝo en la programo

La prezento "Du Ventumiloj", kiu ne povis okazi en mardo, okazos en vendredo, je 14h40 en la salono *Lapenna* (tuj post la Belartaj Konkursoj).

**Clay**

## Lasta Aŭtora Duonhoro

Hodiaŭ, la 28-an de julio, okazos la lasta Aŭtora Duonhoro dum la 102-a Universala Kongreso. *Marianne Dunlop* okazigos sian prezenton je 10h00 en la salono *Šaturová* (ĉambro 302, 3-a etaĝo). Koran dankon al ĉiuj kontribuintoj!

**Sara Spanò, KN 32**

## Dum la Scienca Forumo

Je 11h15-12h15 en la salono *Selten* okazos publika disdonado de la atestiloj (diplomoj) por la IKU-AIS kursaroj. Se vi faris la ekzamenon, bonvolu veni! Krome prezentiĝos IKU, AIS kaj ISAE kaj ilia estonta agado kaj planoj, kiel SU534 en Varsovio, 10-15 09 2017. Ĝis!

**Amri Wandel, KN 641**

## Pontkunveno en la Korea Parlamentejo

* Kiam kaj kie: julio 28 (ven.) en la 2a konferencejo de la Parlamentana Domego

12h00 Ekiri de la Kongresejo (buse 45 minutojn ĝis la Parlamentejo)
**Amasiĝu 10 minutojn antaŭ la ekiro antaŭ la ĉefa konstruaĵo de la kongresejo.**

12h45-14h00 Promeni, foti kaj tagmanĝi en la Parlamentejo

14h00-17h00 Partopreni en la Pontkunveno por la Unuiĝo de Koreio

18h00 Alveni al la kongresejo

* Demando: d-ro *SO Gilsu* (Tel: +82 10 8869 9930)



*** Pontkunveno en la kongresejo (SO-FFT)**

## Fotoj de UK

Plurajn fotojn de la Universala Kongreso vi povas trovi en la retejo de la revuo Esperanto: http://revuoesperanto.org

**Dima Ŝevĉenko**






## Fotoekspozicio: Kroata kultura heredaĵo

Lige al la kongresa temo en la Libroservo oni povas vidi la fotoekspozicion pri kroata kultura havaĵo en la listoj de UNESKO. La aŭtoro de la ekspozicio estas *Marija Belošević*. Aldone oni povas vidi etan ekspozicion de la kroataj poŝtmarkoj teme ligitaj al la kulturo kaj turismo, kiujn por ĉi tiu okazo donacis la Kroata Poŝto.

**Marija Belošević, KN 121**

## ANONCOJ

### Dokumentu UK-n en Vikipedio

Vikipedio provizas taŭgan spacon por longtempa dokumentado de UK, kiun povas uzi ne nur ni, sed (danke al libera permesilo kaj ĝenerala kulturo de kunlaborado) ankaŭ la tuta mondo kaj sekvaj generacioj. Viaj elektitaj fotoj pri la kongresejo, paso de la kongreso, movadaj funkciuloj kaj aktivuloj estas bonvenaj en plurmedia stokejo Komunejo ĉe https://commons.wikimedia.org/wiki/Special:UploadWizard

(uzu la kategorion World Esperanto Congress 2017).

**KuboF Hromoslav**

### Bonvenon al Ŭonbulismo

Tiuj, kiuj aliĝis al la evento "Bonvenon al Ŭonbulismo", venu ĝis **12h40** post la fermo de la kongreso, **al tiu loko** ĉe la ĉefa konstruaĵo de la kongreso, kie atendis busoj por dumkongresaj ekskursoj. Tri busoj ekveturos je **13h00** al la renkontiĝejo en *Iksan*. Ni haltos por tagmanĝeto survoje.

**JUNG Hea-young (Sveka), KN 1061**

### 102 fotoj de UK-oj

Ekde la hodiaŭa tagmezo libere prenu tiun foton de la ekspozicio "102 fotoj de UK-oj", en kiu aperas vi aŭ via konato, al kiu vi transdonu la foton.

**SHIN Youngmuk, KN 112**

### Video de la katolika meso

En Koreio okazis la unua katolika meso en Esperanto okaze de la Seula UK. Jen vi povas spekti la videon:

https://youtu.be/_WLv156ycJk

**LEE Nakkee, KN 840**

### Refotiĝu post 23 jaroj

En 1994 okazis la unua UK en Koreio. Ĝi estis taksita unu el la sukcese organizitaj universalaj kongresoj. Jen estas la foto, en kiuj troviĝas la tiamaj LKK-anoj, UEA-oficistoj kaj aliaj movadanoj.

Iuj jam ne plu renkonteblas en ĉi tiu mondo. Mi denove proponas la komunan memorfotiĝon de tiuj, kiuj aperis en la foto, kiu troviĝas en la dekstra kolumno.

Kiam: 20 minutojn antaŭ la inaŭguro; kie: ĉe la podio

**CHOE Taesok, KN 75**

## NOVAJ ALIĜOJ

| | | |
|---|---|---|
| 1169 | S-ro Suh Sang Tae | Korea Resp. |
| 1170 | S-ino Park Moon Hee | Korea Resp. |
| 1171 | S-ro Mori Toru | Japanio |
| 1172 | S-ro Junku Heo | Korea Resp. |
| 1173 | S-ino Kim Do Hee | Korea Resp. |

### "Stranga" lingvo pli kaj pli riĉigas mian vivon

Dum la kongreso multaj kongresanoj min demandas: ''Kiam vi fariĝis esperantisto?''.

Antaŭ kelkaj jaroj mi vidis anoncon en mia hejmurbo *Ottawa*, Kanado pri "UNIVERSALA LINGVO".

En mia tiama juna, ideala, naiva vivostato mi konstatis, ke tiu stranga, fremda ideo de lingvo savus la mondon, kaj ke se mi lernus ĝin, mi povus vojaĝi ie ajn en tiu mondo kaj paroli kun multaj diversaj homoj.

Mi tre interesiĝis. Do, mi registriĝis por tiu vesperkurso. Pastro *Boglari*, originale de Hungario, instruis.

Estis malgranda klaso kaj oni rapide interkoniĝis unu kun la alia. Unu studento nomiĝis *Guy Matte*.

De post tiu tempo ni du esperas kaj vivas kune - ne tiel idealismaj, sed kontentaj kaj ĉiam povas paroli tiun 'strangan' lingvon. De post tiam mia vivo pli kaj pli riĉiĝas.'

**Merle Haltrecht-Matte, KN 93**



### El la redakcio

La redakcio de la kongresa kuriero kolektas viajn kontribuojn per retadresoj: **chojus@gmail.com; chtaesok@hanmail.net** aŭ pere de organizantoj ĉe la informejo aŭ persone.

**CHOE Taesok, redaktoro**

### Hodiaŭa ĉefmanĝaĵo en la universitata manĝejo

| Matenmanĝo 08h00-10h00 | Tagmanĝo 1 11h00-14h30 | Tagmanĝo 2 11h00-14h30 | Tagmanĝo 3 11h00-14h30 | Vespermanĝo 16h40-18h40 |
|---|---|---|---|---|
| Sogogi gukbap 소고기 국밥 1500krw | Ĉikin kotlet 치킨 코틀레트 2500krw | Ĝejukbokum dopbap 제육볶음 덮밥 2000krw | Caĝangmjon 짜장면 1500krw | Sogogi bosot dopbap 소고기 버섯 덮밥 2000krw |
| Rizo kun bovaĵa supo | Kokaĵa kotleto | Rizo kun porkaĵo spicita per ruĝa pipro | Nudelo kun ĉinstila sojpasta saŭco | Rizo kun bovaĵo kaj fungo |



# La Kandellumo Verda

*- Turismo kaj evoluo: Vojoj al daŭripovo -*

**Vetero: tage +30, parte sunbrilo**

KONGRESA KURIERO DE LA 102-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO **N-RO 7** | 2017 07 29, sabato

## OKAZIS

### Komuna Seminario 1982-2017

Jaŭdon je 14h00-14h45 en la salono *Blanke* okazis la memorkunveno pri Komuna Seminario, kiu estas unu el la tradiciaj Esperanto-aranĝoj en Azio. Ĝi unuafoje okazis en 1982 kaj ĝin partoprenis korea kaj japanaj junularoj. Aliĝis Ĉinio ekde 2003 kaj Vjetnamio ekde 2012. Kunvenis dudeko da organizintoj aŭ ĉeestintoj de la unuaj KS-oj kaj ili kune memoris la tiaman junulan tempon kaj opiniis, ke KS kaj Esperanto ja havis grandan influon al ilia vivo.

**CHOE Taesok, KN 75**

### TADEN-kunsido

La kunsido okazis ĵaŭdon, la 27-an julio, je 12h45, en la salono *Selten*. Pro malfruo de la estrarano de TADEN, nur malmultaj ĉeestis la kunvenon de la nefumantoj. Kiel menciite en la distribuita numero de "Puraj Pulmoj", la prezidanto *Jan Bemelmans* ne povis mem ĉeesti, sed indikas sian vizaĝlibron: janbemelmans2@gmail.com. En lia enkonduka teksto temis pri fumliberigo de terasoj, infanludejo kaj distancigo de fumantoj for de enirejoj. Pro la ĉeesto de du urugvajaninoj decis gratuli pri la venka proceso, kiu liberigis la malriĉan landon de kompenspostulego de *Philip Morris*. La nederlanda asocio de nefumantoj ĈAN ne plu kompromisemas, sed volas forigi fumadon el la publika vivo cele al senfuma generacio. Tabakvaroj ne plu ekspoziciiĝu en butikoj, lernejaj kortoj estu sanaj ekde du mil dudek.

**Robert Moerbeek, KN 42**

### Pri la ekskurso E2

Ĵaŭde la 27-an de julio ni partoprenis la ekskurson al la Korea Folklora Vilaĝo (E2). Unue ni vizitis en *Suwon* la defendan fortikaĵon *Hwaseong*. Post bonega kaj bongusta tagmanĝo ni spektis en la urbo *Yongin* kelkajn belajn prezentaĵojn en la Folklora Vilaĝo kaj ĉe la fino geedziĝceremonion. Ĝi estis neforgesebla travivaĵo, ĉar tiutage antaŭ 38 jaroj ni geedziĝis. Ni ĝuis agrablan ekskursotagon.

**Liba kaj Floreal Gabalda, KN 345, 343**

### KER-sesio dum UK

La ekzamentago vendredo komenciĝis per disdono de atestiloj de la 6-a Tutmonda Ekzamensesio. La reprezentantoj el Kolombio, Rusio, Brazilo, Japanio, Nederlando, Ĉinio, Meksiko kaj Francio transprenis la atestilojn de 60 sukcesintoj. La diplomoj de la aliaj ekzamenlokoj iros poŝte el Budapeŝto rekte al la kandidatoj. Dum la kongreso okazis ankaŭ surloka KER-sesio. Al ĝi aliĝis 25 personoj el 16 landoj. La plej multaj kandidatoj venis el Koreio. La favorata nivelo estis C1, je kiu ekzameniĝis 15 kandidatoj. Jam certas ke per tiu nombro en ĉi tiu sesio ni ekhavos 2000 KER-diplomitojn. La ekzamenadon faris *Duncan Charters*, *Francios Lo Jacomo*, *Probal Dasgupta*, *Eniko Zengo Sereghy*, *Kristin Tytgat* kaj *Sylvain Lelarge*. La ekzamenojn organizis kaj gvidis *Katalin Kovats*, la ĝisnuna estro de la Ekzamena Komisiono de UEA, kiu per tiu ĉi sesio finis sian 10-jaran laboron por la KER-ekzamenoj kaj publike demisiis el sia posteno.

**Katalin Kovats, KN 1021**

### Pontkunveno en la Parlamento

La 28-an de julio 2017 okazis internacia kunveno kun 130 personoj el 21 landoj en la Korea Parlamento. De la 14-a ĝis la 17-a horo ili diskutis pri la unuiĝo de la du koreaj Ŝtatoj. La kunvenon partoprenis la vic-prezidanto de la Nacia Asembleo (Korea Parlamento), du estroj de politikaj partioj kaj parlamentanoj. Vigla debato ekis inter la kunsidestro profesoro *SO Gilsu* kaj la 14 podianoj. Evidente ĉiu partoprenanto havas informojn de siaj amaskomunikiloj kaj de siaj lernolibroj pri historio, de siaj vojaĝoj kaj de siaj renkontiĝoj. Tio multe riĉigis la ideointerŝanĝojn.

La pontkunveno okazis sub la aŭspicioj de la Seula Speciala Urbo kaj ĝin organizis Korea Esperanto Asocio (KEA) kadre de la Universala Kongreso de la Universala Esperanto Asocio (UEA). La debato okazis en Esperanto. Samtempa interpretado estis farita por neesperantistaj koreoj.

Malgraŭ la diversaj lingvoj de la partoprenantoj, ili kiel uzantoj de la internacia lingvo Esperanto kapablis interŝanĝi ideojn senprobleme kadre de tiu pac-cela evento.

**Mireille Grosjean, KN 218**

## Du novaj membroj de la Honora Patrona Komitato

*La Honora Patrona Komitato de UEA ekhavis du novajn membrojn: Harald Helfgott kaj Giorgio Novello. Tiu honora organo konsistas el lingvistoj, sciencistoj kaj aliaj eminentuloj, kiuj faris gravajn servojn al la Esperanto-Movado kaj mem parolas kaj verkis en la Internacia Lingvo. Pri la elekto de Helfgott kaj Novello decidis la Komitato de UEA en sia kunsido en Seulo.*

**Harald Helfgott**

*Harald Helfgott* (n. 1977.11.25, Limo, Peruo) estas monde konata matematikisto, nuntempe *Humboldt*-profesoro ĉe la Universitato de *Göttingen*, Germanio. Post studado en la usonaj universitatoj *Brandeis* kaj *Princeton*, kie li doktoriĝis en 2003, liaj originalaj esploroj kondukis lin tra la universitatoj *Yale* (Usono), *Montréal* (Kanado) kaj *Bristol* (Britio), ĝis konstanta posteno kiel supera esploristo en la Nacia Centro de Sciencaj Esploroj (CNRS, Francio).

D-ro *Helfgott* estas specialisto pri la teorio de nombroj, sed liaj esploroj ampleksas plurajn aliajn branĉojn de pura matematiko, inkluzive de grupteorio kaj kombinatoriko. Jam frue en sia kariero li atingis vastan rekonon en sia fako, i.a. per la Premioj *Leverhulme* (2008) kaj *Whitehead* (2010), aljuĝitaj al speciale promesplenaj junaj esploristoj, kaj la prestiĝa Premio *Adams* (2011) de la Universitato de Kembriĝo. Mondan renomon li akiris en 2013 per sia pruvo de la malforta (aŭ triterma) konjekto de *Goldbach*, kiu dum pli ol 250 jaroj rezistis solvon. Tiu atingo helpis gajni por li la *Humboldt*-profesorecon, unu el kelkaj postenoj en Germanio rezervitaj al pintaj fakuloj sur diversaj sciencaj kampoj, kun granda esplorbuĝeto.

D-ro *Helfgott* eklernis Esperanton en 1997 pro scienca scivolo. Laŭ lia propra klarigo, renkontinte la koncepton de lingva kapitalo en kurso pri lingvistika antropologio, "mi subite pensis: kio estus la efiko de lingvo, kiun preskaŭ ĉiu povus lerni kun relativa facileco en malmulte da tempo?" Aŭdinte pri Esperanto, li ekserĉis en la tiama Interreto kaj kun granda surprizo trovis pli ol cent mil paĝojn pri la lingvo, inkluzive de senpaga kurso. "En la sekvintaj jaroj, mi trovis novajn amikojn, legis multajn interesajn tekstojn - unu el miaj preferataj estis volumo de hungara literaturo tradukita en Esperanton - faris mian unuan vojaĝon en Eŭropo kaj travivis home riĉigajn spertojn. Ankoraŭ hodiaŭ, mi sentas grandan plezuron kiam mi renkontas alian esperantiston - io, kio okazas en neatenditaj lokoj kaj momentoj en mia profesia vivo."

**Giorgio Novello**

*Giorgio Novello* (n. 1960.06.24, Venecio, Italio) estas nuntempe la ambasadoro de Italio ĉe la registaroj de Norvegio kaj Islando. Post studado pri juro en la Universitato de Padovo, li eklaboris en la itala diplomatia servo en 1986, dum 15 jaroj deĵorante en Romo, Niĝerio, Britio kaj Germanio. Dum tiu tempo li krome studis en Parizo kaj Londono, kaj ricevis diplomon pri ekonomiko ĉe la Universitato de Londono en 1994. De 2002 ĝis 2006 li laboris kiel Unua Konsilisto de la Konstanta Misio de Italio ĉe la Organizo por Sekureco kaj Kunlaboro en Eŭropo, en Vieno. En 2004 li ricevis la titolon de Oficisto de la Ordeno pro Merito de la Itala Respubliko, kaj samjare magistriĝis pri ekonomia historio ĉe la Londona Altlernejo pri Ekonomiko.

Ekde 2006, *Novello* deĵoris ĉe la Ministerio pri Eksterlandaj Aferoj en Romo, kiel fakestro pri Internaciaj Financaj Institucioj, kaj ekde 2008 kiel konsilisto al la Ministro pri Ekonomia Disvolviĝo. Dum tiu periodo li ankaŭ gvidis kursojn pri internaciaj rilatoj ĉe la Universitato de Triesto, en kiuj estis i.a. Esperanto. "Plenipotenta ministro" (plenrajta ŝtata reprezentanto) ekde 2009, li ricevis la postenon de ambasadoro en 2013. Liaj diplomatiaj talentoj, apogitaj de vasta klero pri juro, literaturo, ekonomio kaj historio, estis agnoskitaj de la franca registaro per la titolo Kavaliro de la Nacia Ordeno pro Merito (2013), kaj de la norvega registaro per la Granda Kruco de la Reĝa Norvega Ordeno pro Merito (2016).

Ambasadoro *Novello* eklernis Esperanton en 1974 "dank' al mirinda libro de *Alessandro Bausani* pri planlingvoj", kaj aliĝis al la Esperanta Grupo de Padovo. Li trairis E-ekzamenojn en Venecio, 1976, kaj Londono, 1993, kie li ankaŭ aktivis en la loka movado. De 2004 ĝis 2006 li estis vic-reprezentanto de UEA ĉe Unuiĝintaj Nacioj en Vieno. Interesata pri politikaj aspektoj de interlingvistiko kaj lingvoplanado, li estas ano de la germana *Gesellschaft für Interlingvistik* (GIL) de 2006, verkis kelkajn eseojn pri Esperanto kaj interlingvistiko en italaj revuoj kaj prelegis diversloke pri Esperanto, inkluzive ĉe la Universitato de Parmo, 2015.

## Nova honora membro de UEA: NGUYỄN XUÂN THU

*NGUYỄN Xuân Thu* (nask. 1932-08-23). Profesie farmaciisto, esperantistiĝis en 1957. Estis ĝenerala sekretario de Vjetnama Esperanto-Asocio de 2004 ĝis 2010. Membro de la centra komitato de VEA kaj estro de la trejna komisiono. Elstare kontribuis al la instruado de Esperanto kaj trejnado de instruistoj. Lingve kontrolis la vjetnamajn versiojn de "Zagreba Metodo" (2006) kaj "Esperanto per rekta metodo" de *S. Marĉek* (2008). Membro de la Internacia Rajtigita Ekzamenantaro de UEA/ILEI ekde 2006. Ĉefdelegito de UEA de 2003 ĝis 2011.

Kiel ĝenerala sekretario de VEA gvidis la laborojn por inviti la 97-an UK-on (2012) al Vjetnamio kaj poste estis ĝia LKK-ano pri informado kaj gazetara servo; kunlabore kun edukado.net, aŭtoris belan plurlecionan preparkurson pri sia lando. Kiel longtempa instruisto de Esperanto en la Fremdlingva Universitato de Hanojo li ankaŭ trejnis gejunulojn por labori kiel helpantoj dum la 97-a UK kaj la 68-a IJK, same kiel li pli frue faris por la 63-a IJK (2007). Al la programo de la UK li kontribuis per prelegoj en la Esperantologia Konferenco kaj la Tago de Vjetnamio.

Lia ĉefverko estas "Granda Esperanto-Vjetnama Vortaro" (2016), kun 10 652 kapvortoj. Krome li tradukis kaj redaktis la Esperanto-version de "Taglibro de *Dang Thuy Tram*" (2011). Jam frue li aktive ekuzis Facebook k.a. eblojn de Interreto, i.a. kiel kunlaboranto de edukado.net kaj redaktanto de la retejo de VEA (http//e.vea.vn). Ekde 2013 *Nguyễn Xuân Thu* estas membro de la Akademio de Esperanto kaj gvidanto de ĝia komisiono pri homaj nomoj.

## BELARTAJ KONKURSOJ

### Rezultoj de la belartaj konkursoj de UEA en 2017

**BRANĈO POEZIO**
Unua premio al *Nicolau Dols*, Hispanio, pro "Pasio. Poemo en ses stacioj".
Dua premio al *Jesper Lykke Jacobsen*, Francio, pro "Kosmogonio"
Tria premio al *Lode Van de Velde*, Belgio, pro "Nebulo"
Juĝkomisiono: *István Ertl, Krys Williams, Giulio Cappa*
Partoprenis 31 verkoj de 15 aŭtoroj el 10 landoj.

**BRANĈO PROZO**
Unua premio ne aljuĝita.
Dua premio al *Ewa Grochowska*, Francio, pro "La neĝero".
Tria premio al *Laure Patas d'Illiers*, Francio, pro "En tiu ĉi bela tago".
Honora mencio al *Carys Goldy*, Britio, pro "Tri vortoj".
Juĝkomisiono: *Trevor Steele, Ĵak Le Puil, Tim Westover*
Partoprenis 20 verkoj de 13 aŭtoroj el 9 landoj.

**BRANĈO TEATRAĴO**
Unua premio ne aljuĝita
Dua premio ne aljuĝita
Tria premio al *Amir Naor*, Israelo, pro "Amo ne serĉas, amo trovas".
Honora mencio al *Ewa Grochowska*, Francio, pro "Stranga renkontiĝo".
Juĝkomisiono: *Wera Blanke, Serĝo Sir', Giuliano Turone*
Patroprenis 2 verkoj de 2 aŭtoroj el 2 landoj.

**BRANĈO ESEO**
Unua premio – premio *Luigi Minnaja* – ne aljuĝita.
Dua premio al *Roberto Lloancy*, Francio, pro "Kverelo sur Olimpo".
Tria premio al *Javier Alcalde*, Hispanio, pro "Pli bona ol la homa estaĵo? Esperanto kaj transhomismo".
Honora mencio al *Javier Alcalde*, Hispanio, pro "La Esperantisto de la jaro (1887-1997)".
Juĝkomisiono: *Gotoo Hitoshi, Antonio Valén, Giridhar Rao*.
Partoprenis 5 verkoj de 4 aŭtoroj el 4 landoj.

**INFANLIBRO DE LA JARO**
Eldonejo *Graine de Moutard*, Francio, pro "La sekreto de la strigo de Diĵono".
Juĝkomisiono: *Edmund Grimley Evans, Ricardo Albert Reyna, James Rezende Piton*.
Partoprenis 2 verkoj de 2 eldonejoj el 2 landoj.

## ANONCOJ

### Venonta fervojista rendevuo

La kutima fervojista kontakt-kunveno ne okazis dum la ĉi-jara UK en Seulo, sed IFEF (Internacia Fervojista Esperanto-Federacio) invitas vin al sia venontjara kongreso, kiu okazos en Vroclavo, Pollando, de la 19-a ĝis la 25-a de majo 2018. Ĉiuj informoj ĉe http://ifef.free.fr/Vroclavo2018 aŭ ĉe KN 666. Bonvenon!

**Laurent Vignaud, KN 666**

### Infanoj kaj popola danco

Kelkaj UK-anoj partoprenos en aŭgusto renkontojn pri popola dancado kaj por infanoj kaj familioj, okcidente de Parizo, vidu en gresillon.org/somero

**Jannick Huet, KN 532**

### Infankongres-eto ega

Entute 66 infanoj kaj adoleskantoj partoprenis kun 12 gvidantoj. Ili multe ridis, kantis, desegnis, pentris, dancis, ekskursis, skeĉis, lernis, interamikiĝis kaj konatiĝis kun fremdaj kulturaĵoj. Ĉiu tago ne estis sufiĉe longa por ĉion entuziasme fari kaj la teamo de gvidantoj iom puŝis ilin al lito. Hodiaŭ certe kelkaj larmoj aperos en junaj okuloj, sed ne gravas, ĉar la koroj jam plenas je tiom da feliĉaj memoraĵoj. Vivu IIK 2017 en Seulo! Rapide venu IIK 2018 en Lisbono!

**SHIN Eun-sook, Sonĝanta, KN 62**

### IKU-AIS ekzamenitoj

Bv. preni viajn diplomojn fine de la fermo de la rektoro prof. *BAK*.

**Amri Wandel, KN 641**

### Nacia Esperanto Muzeo en Gray

Krom Greziljono kaj Kvinpetalo, kiuj partoprenis la Movadan Foiron, ekzistas tria kultura centro en Francio, la Nacia Esperanto Muzeo en la urbo. Bonvenon al ĝi !

http://www.naciaesperantomuzeo.fr/

**Aleks Kadar, KN 640**



**Metalarboj ĉe la haltejo de la flughavena buso 6002 antaŭ la stacidomo *Cheongnyangni* (청량리역)**

## DIVERSAJ MOMENTOJ



"KAEM, saltu supren!" (Foto: SO-FFT)



Laborema eĉ en metroo (Foto: LEE Jungkee)




"Ĉiam junas ni!" (SO-FFT)



"Ni ekskursas al la palaco! hhh" (Foto: SO-FFT)



Ĵomart kaj Nataŝa (Foto: SO-FFT)



Oomotanoj kaj ŭonbulanoj kunkantas.



MAJU kun JOGAILE